# LITERATURA Mondo

TRIA PERIODO — UNUA JARO — 3–4





REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: BUDAPEST, VIII., RÖKK SZILÁRD-STR. 28., HUNGARIO

# PREZARO

**Prezoj estas montritaj en USA-dolaroj**

| | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| K. Kalocsay: | | |
| **STREĈITA KORDO* | | 1.20 |
| Madách—K. Kalocsay: | | |
| *TRAGEDIO DE L' HOMO* | | 1.— |
| K. Kalocsay—Dante: | | |
| *INFERO* | 2.50 | 2.— |
| K. Kalocsay: | | |
| *ARTHISTORIO I* | | 2.80 |
| K. Kalocsay—Waringhien: | | |
| **PARNASA GVIDLIBRO* | | 1.— |
| Bleier—Kökény—Ŝirjaev: | | |
| **ENCIKLOPEDIO DE ESP.* | | |
| vol. I—II. ilustrita | Elĉerpiĝis | |
| Nur la II-a vol. ilustrita | | 5.— |
| Sen ilustraĵoj, vol. I—II. | | 6.— |
| L. Tárkony (Totsche): | | |
| *DE PAĜO AL PAĜO* | 1.20 | —.90 |
| K. Kalocsay: | | |
| *DEKDU POETOJ* | 1.20 | —.75 |
| E. Aisberg: | | |
| *FINE MI KOMPRENAS LA RADION* | | 1.40 |
| E. Wiesenfeld: | | |
| *VERKARO DE FEZ* | | 2.— |
| Van Loon—Saville: | | |
| *RIGARDU LA TERON* | | 4.— |

| | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| Kalocsay—Baghy: | | |
| *ARĜENTA DUOPO*, jubilea libro, I-a volumo | | 1.30 |
| Muzik-notoj de la II-a volumo (Kantoj de Baghy—Kalocsay) | | —.50 |
| A. Baur: | | |
| *SVISA ANTOLOGIO* | 4.60 | 4.— |
| K. Kalocsay: | | |
| *RIMPORTRETOJ* | | —.40 |
| Asch—Lejzerovicz: | | |
| *SORĈISTINO EL KASTILIO* | 1.50 | 1.— |
| Grenkamp—Bzrekowski: | | |
| *PRI L' MODERNA ARTO* | 1.— | |
| T. Herzl—B. Selzer: | | |
| *LA JUDA ŜTATO* | | —.90 |
| Adamson: | | |
| *AULI* | | —.60 |
| I. Lejzerovicz: | | |
| *EL LA VERDA BIBLIO* | —.70 | —.40 |
| Jerome—Badash: | | |
| *TRI HOMOJ EN BOATO* | 1.90 | 1.40 |
| Kikuĉi—Ŝimomura: | | |
| *AMO DE TOOJUURO* | | —.40 |
| Goethe—Kalocsay: | | |
| *ROMAJ ELEGIOJ* | —.80 | —.60 |
| N. Kurzens: | | |
| *MIA SPEKTRO* | | —.50 |
| Bleier—Ĉense: | | |
| *ORA LIBRO DE LA ESPERANTO-MOVADO* | | 1.— |

Aldonu 10% por afranko
Ni respondecas nur por rekomenditaj sendaĵoj.
Rekomendo por pakaĵo —.20 USA-dolaroj.

*Rimarko:* La kovrilpaĝoj de la libroj markitaj per*, perdiĝis pro la militaj okazintaĵoj. Tial ili havas simplan karton-kovrilon, sen ajna surskribo.

Provnumeroj de Literatura Monda kontraŭ 2 respondkuponoj.
Librojn mendu ĉe niaj reprezentantoj aŭ ĉe via Ebristo.

# Nia politiko

— G. Waringhien —

Revenas la tempo de la «Delegitaro». Okaze de la kreo de Unesco (United Nations' for Education, Science and Culture Organization), la problemo de internacia lingvo estas denove debatata. Kaj dum en Genevo s-ro J. Benda agitas, cetere sen ia ajn sukceso, por la agnosko de la franca lingvo kiel sola internacia interŝanĝilo, la radio-stacioj, politikaj kluboj aŭ popolkulturaj societoj invitas la partianojn de artefarita lingvo konigi siajn ideojn. Respondas esperantistoj, respondas ankaŭ niaj novaj konkurantoj. Ĉar ne temas plu pri Ido: pri tiu «genia definitiva solvo» neniu plu parolas, krom tie kaj tie ia fantoma voĉo. La nunaj pretendantoj estas la siavice «definitive perfekta» Occidental de s-ro E. von Wahl kaj la ne jam naskiĝinta, sed ankoraŭ pli perfekte definitiva lingvo projekto de IALA (International Auxiliary Language Association). La defendantoj de tiuj du dialektoj abunde demonstras pri la mankoj de Esperanto, aŭ, kiel unu el ili ĝentile skribas: «quant grotesc e infantesc es li *kara lingvo*».[1]) Kaj kiam ili finis sian demonstradon, ili miras, ke nek la esperantistoj estas konvinkitaj, nek la laikoj varbitaj. «Fanatisat masses»[2]) ili diras pri la unuaj, «profanes, quel have li audacie del ignorantio»[3]) ili asertas pri la aliaj.

Tiuj koleraj vortoj plej bone malkovras la naivecon de niaj apartigitaj fratoj: ili ne kapablas kompreni la sintenon de la esperantistoj nek tiun de la publiko, ĉar ili plene eraras pri la kondiĉoj de la problemo. Tiu ilia eraro estas la sama, kiun kulpis ĉiuj reformemuloj aŭ reformistoj de Esperanto, ekde Trompeter en 1893 ĝis Couturat en 1907. Ili ĉiuj, konstatante, ke la granda publiko ne favoras Esperanton, nek alprenas ĝin kun la sama entuziasmo, kiel ili mem, atribuis tiun nesukceson al la mankoj aŭ malperfektoj, kiujn ili trovis en la lingvo. Kaj ĉar ĉiu el ili havis sian apartan opinion pri la reformendaj punktoj, ĉiu prezentis sian propran proponon, deklarante absurdaj tiujn de la aliaj. Tio klarigas la svarmon da malvive-naskitaj projektoj, kiuj sekvas sin seninterrompe de post la unuaj sukcesoj de Esperanto. Nur kelkaj el tiuj reformistoj havis la konstantecon, aŭ la monajn rimedojn necesajn por finpretigi sian projekton, eldoni ĝin kaj varbi kelkajn adeptojn; la aliaj, ne povante realigi siajn idealojn, aŭ tute forlasis la aferon, aŭ adeptiĝis al unu el la freŝe bakitaj dialektoj.

Cetere estas interese rimarki, ke en ilia sinteno ludas grandan rolon la mensa konstitucio: reformistoj estis plejparte nestabilaj karakteroj, ĉiam persekutantaj la novon kaj ĉiam pretaj forbruligi morgaŭ, kion ili hieraŭ adoris. Ni konas ĉiuj tiajn homojn en la ordinara vivo, kiuj ne povas kontentiĝi je sia fontoplumo, poŝtranĉilo aŭ bicikleto, tuj kiam ili ekscias, ke nova, pli rafinita modelo aperis sur la merkato: ili truas siajn poĉojn per aparatoj strangaformaj, dudekklingaj kaj perfekte senutilaj; ilia bicikleto surhavas tiel delikatajn rapidŝanĝilojn, turnokalkulilojn, kompense ekvilibritan selon ktp., ke estas mirakle, se ĝi funkcias sendifekte trans la unua kilometro; ilia kuirejo estas provizita per ĉiaspecaj instrumentoj, el kiuj la plej simplaj ebligas tranĉi la terpomojn triangule, kube, piramide aŭ torforme. En la kampo de la lingvistiko, la sama temperamento donas tiujn «reformistojn, perfektigistojn, novasistemistojn kaj unuigistojn»[4]), kiuj forlasis Esperanton por Ido, Idon por Novial, Novialon por Occidental, kaj morgaŭ forlasos Occidentalon por la IALA-lingvo, atendante ankoraŭ pli freŝdatan, pli lasthoran kaj pli (provizore) definitivan solvon.

Tiuj nomadaj mondlingvanoj forgesas aŭ preteratentas kelkajn simplajn verojn, kiujn longa sperto instruis al ni kaj kiujn genia intuicio jam divenigis al Zamenhof. La unua estas, ke la publiko absolute ne interesiĝas pri lingvistikaj polemikoj, unuflanke, ĉar ĝi ofte ne kapablas ilin kompreni, aliflanke, ĉar ĝi ne opinias, ke ili povas liveri al ĝi la kriterion de bona lingvo. Kun sia kruda saĝo, ĝi opinias, ke lingvo estas aparato por interkompreniĝo, ne por gramatikumado; same kiel la perfekteco de bicikleto kuŝas en longedaŭra kaj facila ruliĝado kaj ne en milkaj-unu-peca malmunteblcco. Bona lingvo estas, por la publiko, lingvo, en kiu oni povas verki kaj paroli kun la certeco esti komprenata de la samlingvanoj; kaj ne pli pozitivan pruvon pri tiu eblo oni povas doni, ol efektivan uzadon de ĝi, parolan kaj skriban, ol multon da internaciaj kongresoj kaj abundon da gazetoj aŭ libroj. Jen kial la esenco de la problemo ne estas senfine ŝanĝi formon de unu internacia lingvo por iu alia, eĉ

teorie pli perfekta; tio estas uzadi la jam elprovitan formon, por fari el ĝi vivantan lingvon. Prave Zamenhof skribis al Kofman, la 28. V. 1901: «Se eĉ ĉiuj akademioj de la mondo akceptus Esperanton... nenio garantias, ke en la daŭro de unu jaro ĝi subite ne estos forĵetita kaj forgesita por eterne! Lingvo internacia fortikiĝos por ĉiam nur en tia okazo, se ekzistos ia grupo da homoj, kiuj akceptus ĝin, kiel sian lingvon familian, *heredan*»[5]). Kaj ne senkaŭze li substrekis tiun lastan vorton: en ĝi kuŝas efektive la tuta solvo de la demando. Lingvo estas, antaŭ ĉio, afero *tradicia;* nur tradicio donas al ĝi fortikon kaj stabilon; kaj nur kiam Esperanto estos fariĝinta tradicia lingvo, la publiko ĝin akceptos kun la sama respekto kaj konfido, kun kiu ĝi rilatas al la naturaj, eĉ mortintaj lingvoj; kaj nur tiam ĝi senbare disvastiĝos inter ĉiuj, kiuj sentas bezonon de internacia komprenilo, sed ne volas foroferi karegan tempon al la lernado de ne tute sekurigita idiomo. Ni tute ne asertas, ke Esperanto estas la sole ebla solvo, nek la plej perfekta solvo: ni simple asertas, ke ĝi *estas* solvo, solvo sufiĉe elprovita, por ke oni estu certa pri ĝia ĉiurilata taŭgeco; ke la malrapido de ĝia propagando estas ŝuldata ne al ĝiaj internaj mankoj, pri kiuj la publiko nenion scias, nek kapablas juĝi, sed al la natura inercio de la homa spirito kaj al ĝia timo antaŭ novaĵoj; kaj ke tiujn barojn oni venkos ne per facila ŝanĝanimeco, sed per konscia obstinado en la vojo unu fojon elektita. Jen do kio devas esti la regulo de nia agado: persisti kaj persisti en la uzado de nia lingvo, paroladi ĝin, skribadi ĝin, riĉigadi ĝin per ĉia literaturo, ĝis ni atingos la tempon, kiam ĝi aperos al la okuloj de la mondo, kiel io familiara pro sia malnoveco, kaj tute trankviliga pro sia memkonstanteco. El tio sekvas la neceso severe gardi nian unuecon, deteni nin de ĉia tento eble plej fidele imiti la stilon de Zamenhof. «Ĉe la piedoj de la Majstro», tiun budaistan al ŝanĝo en la strukturo de la lingvo, kaj kiel devizon ĉiu vera esperantisto devas havi en la koro kaj en la spirito.

Ne malpli granda estas la naiveco de niaj skismintaj samcelanoj, kiam ili kontraŭpropagandas kontraŭ Esperanto ĉe la politikaj aŭ kulturaj internaciaj instancoj. Ili ŝajne esperas (ĉar mi supozas ilin honestaj homoj kaj sinceraj partianoj de internacia lingvo), ke, se ili pruvos sian kandidaton pli perfekta ol Esperanto, ili tuj ricevos por ĝi la tutmondan oficialigon. Kaj ĉiufoje, kiam esperantistoj klopodas ĉe tia instanco, ili siaflanke kontraŭklopodas per ĉiaj rimedoj, eĉ ne ĉiam tre lojalaj[6]). Tia agmaniero elmontras plenan nesciadon de la homa psikologio. Eĉ se Esperanto ekzistus sola, kaj senrivala, kaj tre disvastiĝinta, tamen estus tre malmultaj ŝancoj, ke internaciaj instancoj ĝin oficiale adoptu. Oni memoru nur, el kiaj homoj konsistas tiuj instancoj: ili estas regnaj funkciuloj — kaj oni ja scias, ke regna funkciulo nenion tiel timas, kiel la iniciativojn; al ili prosperis atingi bone pagatan postenon en internacia administro — kaj ilia sola zorgo estas kompreneble ĝin konservi, neniam riskante unu paŝon, kiu povus, se malbonrezulta, endanĝerigi ilian situacion; fine ili apartenas al organizo, kiu vivas nur per la unuanima konsento de siaj membroj — kaj ili neniam do inklinos akcepti proponon, kiun unu sola nacia registaro povus rigardi malamika aŭ malprofita por ĝi. Doni oficialigon al io tiel senprecedenca, kiel artefarita lingvo, al io, pri kies estonteco nenia rajtigita aŭtoritato povas ion aserti aŭ garantii, estus do por tiuj burokratoj ago de tia blinda fido kaj tia aŭdaca entuziasmo, kian oni povas atendi nur ĉe esceptaj, ekstreme favoraj cirkonstancoj. Kaj se en tiu momento konkurantoj venas diri al ili, ke tiu internacia lingvo estas ne la sola, nek la plej bona, la koncernaj burokratoj neniel zorgos enketi pri la nove prezentataj projektoj nek elekti inter ili: ilia sola reakcio estos eviti kompromiti sin en tia danĝera vesponesto kaj ĝentile «enterigi» la aferon, transdonante ĝin al ia komisiono, kiu siaflanke transdonos ĝin al subkomisiono ktp. ĝis la fina forgesiĝo. La sola rezulto de la kontraŭklopodoj estos do rekte malhelpi al la ideo de internacia lingvo, kaj tute ne adoptigi ian alian pli perfektan formon de ĝi. Tia politiko estus defendebla, se niaj kontraŭuloj havus la moralan certecon, ke Esperanto estas nevivipova projekto kaj nepre nekapabla elporti tian pezan rolon, kian oni postulas por ĝi. Sed ĝuste tiu Esperanto estas la unika inter la kandidatoj, kiu havas malantaŭ si sufiĉe longan paseon por akiri konfidon, la unika, kiu efektive kaj okultrafe pruvis sin taŭga por ĉiaj uzoj, ekde la poezio ĝis la kemia nomenklaturo, ekde la elokvento ĝis la diplomatia stilo. Kiam Occidental estos apoginta siajn pretendojn per verkoj kiaj la *Biblio* aŭ la *Infero, Psikoanalizo kaj Edukado* aŭ *Interpopola Konduto,*




# Servo de S.R.K.

**Julio Baghy**

Niki Bere demetis la pezan martelon por forviŝi la ŝvitperlojn de la frunto. Lia rigardo haltis momente ĉe robusta figuro, staranta kelkpaŝojn for de li sur la trotuaro. La rekono surprizis lin, eĉ kaŭzis certagradan ĝenon. Dum la gantumita mano duone kaŝis lian vizaĝon, li spionadis al la malnova konato. Malagrable! Ŝajnas, ke ankaŭ li rekonis lin, eĉ li iom mire, iom observe gapas al li. Efektive neagrable!

Kvankam Niki Bere havis puran konsciencon, tamen la obstina observado de tiu konata okulparo tremigis lin. La fantomo de la pasinteco staris tie sur la trotuaro kaj en la kapo de Niki zigzage trafulmis la memorbildoj pri liaj aferoj dum la lastaj du jaroj. Li retrankviliĝis. Nenio embarasa, nenio suspektinda okazis dum tiu tempo. Vere, tentoj ja ne unufoje ĉirkaŭdancis lin, sed la tentojn li kontraŭstaris, la okazojn preterlasis.

Efemera rideto kurbigis liajn lipojn. Nu, la fantomo povas laŭplaĉe observadi! Niki Bere, la iam fama «*magnetmana Nik*» malaperis por ĉiam kaj depost du jaroj li sekvas novan vojon. Verdire, tiu vojo ne ĉiam kontentigas lin, ĉar ĝi estas laborŝvita, por facilanimuloj eĉ tro zorgoplena por esti kontenta pri ĝi, tamen ĝi estas vojo irebla kaj sekura. Guste tiu ĉi momento pruvas tion kaj Niki ree prenis la martelon kaj kun pliigita fervoro li komencis batadi la kapon de la najlego.

Longaj minutoj pasis. Niki ne levis sian rigardon, ŝajne li dronis en la laboro, tamen li instinkte sentis, ke la fantomo proksimiĝis, haltis malantaŭ li.

---

*Rigardu la Teron* aŭ *Fine mi komprenas la Radion*[7]), ni povos konsenti ekzameni ĝiajn meritojn. Sed tiajn verkojn ĝi eĉ neniam prezentos, ĉar la tempo mankos al ĝiaj adeptoj, antaŭ ol ili estos transfuĝintaj al ia alia pli nova projekto — same kiel okazis pri Ido.

Kia do estas nia devo, al ni esperantistoj? La sama, kiel al la soldatoj en la tranĉeoj: elteni. Ni ne devas luli nin per fantaziaj esperoj: ni ne konkeros en la venonta jaro milionojn da anoj, ni ne ricevos de Unesco oficialan sankcion, ni ne ĝuos la helpon de la bonfaraj miliarduloj. Ni devos penige kaj malfacile varbadi novajn samideanojn, multigi la utilajn tradukojn, penetri en la rondojn de homoj, kiaj kuracistoj, poŝtistoj, aviadistoj ktp. kies profesio postulas internaciajn rilatojn aŭ korespondadon, ne por atingi de ili formalan agnoskon de nia ekzisto, sed por humile liveri al ili praktikajn servojn. Kiel ajn blinde rutinemaj estas la homoj, ili ne povos finfine ne rimarki, ke estas pli oportune korespondi kun la tuta mondo per unu lingvo, ol per dekkelkaj... Kaj tiel, iom post iom, ni atingos tian faktan pozicion, ke unu tagon la mondo povos nur konstati ĝin kaj reguligi per oficialigo. Tiu politiko ja estas nek fulma, nek sensacia, sed ĝi estas la sola ebla, laŭ mia konvinko — kaj tia estis ankaŭ la konvinko de Zamenhof:

> Malfacileco, malrapideco
> Al ni la vojon ne baros.
> Sen malhonora malkuraĝeco
> Ni, kion povos, ni faros...

[1] Cosmoglotta, Febr. 1946.

[2] E. von Wahl, samloke, Majo 1940.

[3] L. M. de Guesnet, samloke, Febr. 1946.

[4] Zamenhof, Originala Verkaro, pĝ. 425.

[5] La sama, samloke, pĝ. 323. Tio estas, parenteze, bonega argumento por la sennaciistoj.

[6] «Esperanto-Yiddisch», J. Prorok (Kosmoglott, Jan. 1924.) — «En Russia li sciencistes deve esser caut con enunciationes contra Esp-o, quel es protectet del Soviet-regime», E. von Wahl (Cosmoglotta, Mart. 1927).

[7] Tradukoj de Zamenhof, de Kalocsay; verkoj de P. Bovet, de E. Privat; traduko el H. W. Loon, originalajo de Aisberg.

— Nu, Nik, kiel mi vidas, vi nun laboras — sonis basa vira voĉo tute milde.

— Jes, mi laboras — respondis Nik, sed li ne turnis sin for de la laboro.

— Kaj nokte, Nik, kion vi faras nokte?

— Mi dormas. Kion mi povus fari post tia peza laboro?

— Mi ĝojas, ke vi tiel persistas, tamen mi havos miajn okulojn sur vi. Atentu pri vi!

— Superflue! Virino spionas miajn paŝojn.

— Ĉu virino?

— Jes, kaj kia virino! Tia... tia preĝemanima.

— Ĉu vi edziĝis?

— Ankoraŭ ne, sed... sed mi patriĝis... Mi havas okmonatan filon.

— Interese! Do la preĝemanima virino patrigis vin sen geedziĝo. Iom strange — kaj la basa vira voĉo vibris pro retenata rido.

Kvankam Niki ne vidis la ironian mienon de la obstina demandanto, tamen antaŭ li aperis ties ridanta vizaĝo. Niki sentis, ke estas necese klarigi la situacion por defendi sian virinon.

— Ne miskomprenu! Geedziĝo okazos.

— Kiam? Post la apero de la dua ido. Ĉu?

— Nu, tiam, kiam la virino permesos... Ŝi ankoraŭ ne fidas min... kaj kiel ŝi diris, ŝi ne volas, ke la patro de ŝia filo estu malbonfama fripono... Nun mi havas la provtempon. Ĉu vi komprenas?

— Ne tute. La patro ja tamen estas vi.

— Jes ja, sed la filo havas la honestan nomon de la patrino. Jen tiel! Granda diferenco! Ŝi ja povas nei mian patrecon ĉe pridemandado. Ĉu vi komprenas? Kaj... kaj mi treege volus, ke mia filo ne hontu poste pri mia nomo. Ĉu komprenite? Ĉar, vidu, ni tre dezirus, se li fariĝus inĝeniero aŭ kuracisto. Jes, tiel ni volas kaj tiel estos — kaj Niki rekomencis la fervoran marteladon.

— Interesa virina filozofio... vilaĝanina romantiko... Ĉu vi renkontis ŝin dimanĉposttagmeze sur benko de la urba ĝardeno. Ĉu?

— Ne! En la lito... en mia lito... pli precize, en nia komuna lito. Ŝi ja devenis de honesta familio... iam ŝi estis fraŭlina moŝto...

La rido nereteneble eksplodis el la scivolema demandanto.

— Fraŭlina moŝto, preĝemanima knabino, kiu konatiĝas en lito kun la «magnetmana Nik», kun la plej fama kasrompisto... en la komuna lito... Nik, vi fariĝis sentimentala bovo. Hahaha!

Niki Bere demetis la martelon, turnis sin al la ne resopirata konato, kiu iam ne unufoje torture pridemandis lin kaj pro kies lerteco li pasigis resumante ses jarojn inter la muroj de karcero kaj pundomo. Li rigardis rekte al la iam timanta okulparo kaj serene ridetis.

— Vi ree eraris... Via konkludo refoje viktimiĝis pro la ŝajno. Mi volonte rakontos al vi tiun idilion en la komuna lito, se vi nepre deziras scii... Neĉiutaga historieto... Mi benas tiun tagon... Jes, tiel!

La voĉo de Niki impresis emociigita de la rememoro. La robusta fantomo, la atletstatura detektivinspektoro interesate fiksis sian rigardon al la krude belaspekta vizaĝo, sur kiu nun eĉ nuanco de ĝia konata ironio mankis. Li prenis el la poŝo sian cigaredujon kaj el ĝi li prezentis cigaredon al la iama krimulo.

— Nu, parolu, Nik! La afero vere interesas min... Ekfumu do!

Niki faris rifuzan geston.

— Dankon! Ne koleru, ke mi ne akceptas proponatan cigaredon. Tiu gesto via rememorigas min pri la pasinteco. Ĉiam vi tiel komencis tiutempe la pridemandadon... Sed nun vi ne havas kaŭzon pridemandadi... nun ne detektivinspektoro kaj malsukcesinta krimulo interparolas, sed du homoj konantaj unu la alian, el kiuj unu ne decas rememorigi tion, kio jam definitive pasis kaj la alia, kiu nepre devas forgesi sian iaman profesion por ne plu renkonti la unuan en lia oficeja ĉambro... Permesu, ke mi ekfumu el miaj propraj cigaredoj!

— Vi pravas iom, Nik! Nun mi ne havas kaŭzon. Do akceptu de mi fajron kaj rakontu se vi mem volas — kaj li etendis sian flametantan poŝfajrilon al lia cigaredo.

— Dankon!... Mallonge dirite tiutempe mi laboris kiel nokta maŝinpurigisto kaj servisto en granda presejo... Tio okazis antaŭ du jaroj, iom post la ĉeso de la milito... La laboro ne estis malfacila, nek tre profitdona. Por eviti eventualan tentadon mi decidis ne reokupi mian malnovan dandejon, kie certe mi estus renkontinta kelkajn el la iamaj sambandanoj. Mi luis ĉe honesta vidvino liton por dormi. Ĉiumatene je la sesa mi revenis hejmen kaj ĝis la sesa posttagmeze mi rajtis uzi ĝin. Iun matenon reveninte mi ne povis okupi mian liton, ĉar delikatvizaĝan

knabinon mi trovis en ĝi. Ŝiaj vangoj purpuris pro la febro. Ŝi estis la nokta luantino por la lito. Kion fari? Ĉu forĵeti ŝin, por ke mi rehavigu la rajtan luajon? Oni konas min kiel kavalieron komplezan al la bela sekso. Mi do cedis la liton al ŝi dum ŝia tuta malsanado, kelkfoje mi provis helpi ŝin per bagatelaj neniomkostaj servetoj. Dum tiu tempo mi kuŝis sur provizora kuŝejo, farita sur la plankon. Ni kompreneble babiladis, ŝi rakontis sian vivon. Bone instruita filino de honesta familio ŝi estas, kiu dum la bombardado perdis siajn gepatrojn kaj tutan hejmon, kiam ŝi dejoris en la kontoro de transportfirmao. Ŝi restis sola, sen parencoj. Post la teruraj tagoj de la sieĝo malaperis eĉ ŝia kontoro. Por ne morti pro malsato kaj resti sur la vojo de la honestaj knabinoj, ŝi dungiĝis kiel helpvendistino en panejo. Kompreneble ŝi povis lui nur liton por nokto. Nun ni havas jam unu grandan ĉambron, kiun mi dividis per ligna mureto por havi aparte la kuirejon kaj modeste, sed sekure ni vivas. Ŝi denove estas kontoristino kaj mi, kiel vi vidas, laboras ĉe rekonstruado de la ponto. Ankaŭ ĉe la konstruado de la nova ponto mi laboris ĝis la lasta tago. Jen!

Ĉe la lasta vorto en liaj okuloj aperis fiera brilo, li strečis la ŝultrojn je digna sinteno. La inspektoro vole nevole havis respekton al li kaj sincere miris pri la metamorfozo de la krimemulo.

— Bela persisto, Nik. Espereble vi alkutimiĝos al la honesta vivo. Estus domaĝe, se vi seniluziigus la preĝemaniman patrinon de via filo. Ĉu?

— Vi pravas. Ŝi ĉiutage diras al mi, ke nur tiu homo meritas la honoron de la socio, kiu konscience plenumas siajn devojn kaj laboras por la bono de la socio. Ŝi estas terure inteligenta virino. Tial mi laboregas dum la tuta tago.

— Kaj nokte?! La nokto estis ĉiam via tenta tempo.

— Mi diris jam, mi dormas... Ne havu skrupulojn pri mi. Mi decidis fari *ion noble bonan* por la socio kaj se ion mi havas en la kapo, tion mi faros, ĉar... ĉar mi tre dezirus, se tiu forta knabo, mia filo, fine havu mian nomon honestiĝintan.

La cigaredoj forfumiĝis. La inspektoro etendis sian manon por amika premo al Niki, kiu senhezite kun kontento pri la honoro akceptis ĝin.

## Ĉeĥa kanto

*— Jaroslav Seifert —*

Blokoj da grizo portas ni surŝultre,
griza ŝtonbloko premas nin — ho ve!
Mi eĉ al nuboj turnis min konsulte,
kaj nuboj mutis aŭ respondis: Ne!

Nur vento ridis — vidu la mokulon!
Plenforte en la dorson puŝis min.
Sub kapon metis mi el rabotaĵoj bulon;
la ligno odoris kaj revoj tuŝis min:

Brilaĵojn ni el polv' elrasti ekis,
sed estis gruzo, kvarco kaj pirit'.
Orsablon flu' forlavis kaj perlojn birdoj bekis,
la perlojn, kiujn ni fiŝadis kun avid'.

Ne tie hejmas ni, kie la sonĝo nestas
kaj nokto lulas ĝin kun karesem'.
Ne maro nutras nin, nek suno vestas,
kaj kio odoras, estas nur antem'.

Hodiaŭ povi danci...! En la loga ĉarmo
gaja Parizo dancas ĝis ektag'...
Sed ĉe ni pluvas. Tag' kaj pluva larmo
sur fundo kaŭras en kotaĵa lag'.

Ve, floroj mankas, ĉe bal' ni ne plezuras,
kiel muŝ-zumo ĝenas nin malsat'...
Du fingrojn levas man', du fingroj ĵuras,
kaj post du jaroj venos la dancad'.

El la ĉeĥa: *D-ro Pumpr.*

— Ĉion bonan por la estonteco, Nik kaj vian virinon salutu de mi!

La fantomo forpaŝadis, Niki reprenis la martelon por plenumi la entreprenitan laboron kaj dum la tuta tago li ne laciĝis. Korkaresaj pensoj, fantaziaj planoj nutris lian energion. Post la fino de la taga laboro li rapidis hejmen. Survoje por momento haltigis lin sensacia raporto de iu gazeto. La titolo de la artikolo okulfrape, kompostita grandlitere, anoncis: «*BANDO DE NOKTAJ SENVESTIGANTOJ DENOVE MINACAS LA SEKURECON DE LA ĈEFURBO!*» Niki Bere subite sentis spontanan indignon.

— Aĉaj ratoj! Estus plej bone ekstermi

ilin... Ataki kaj senvestigi pacajn laborantojn!... Fi!... Aĉuloj!

Ĉe la proksima gazetvendisto li aĉetis ekzempleron kaj legante la raporton, la unuan fojon en sia vivo, li havis revenĝan koleron kontraŭ la malamikoj de la socio.

* * *

Pasis semajnoj. Ju pli mallongiĝis la tagoj, des pli la noktoj fariĝis danĝerplenaj. La polico heroe batalis kontraŭ la postmilitaj simptomoj, sed ne ĉiam sukcese. Bonŝance, ke kelkfoje troviĝas personoj, kiuj helpas al la oficialaj gardistoj de la ordo, kvankam eĉ tiu helpo ne unuokaze ŝajnas esti mistera dum la lastaj semajnoj. Guste pri tio la detektivinspektoro cerbumadis. Jen antaŭ tri tagoj du civiloj akompanis trimembran bandon al la centra dejorejo kaj tie transdoninte la krimulojn kaj ilian pakajon rabitan ili mem mistere malaperis. Letero, alveninta per la matena poŝto, eĉ plidensigas la nebulon ĉirkaŭ la afero.

La inspektoro nerveme ekpremis la butonon de la sonorilo kaj al la aperinta referento li transdonis la aluditan leteron.

— Kiel vi opinias pri tio?

— Sinjoro inspektoro, mi raportas, ke la afero ŝajnas esti suspektinde mistera — kaj la referento disciplinite tenis sin en «atentu»-pozo.

— Nu, jes, sed krome ĉu vi ne havas opinion?

— Sinjoro inspektoro, mi raportas, ke krome mi pensas, ke iu aŭ iuj helpas nin en la laboro, — kaj la referento eĉ plitroigis sian pozon.

— Nu, kara kolego, vi ne havas grandan fantazion, ĉar vi nur ripetis tion, kion plifrue mi mem esprimis pri la afero. Cetere bonvolu legi la leteron, ĉar ĝi riproĉas nin pro prokrasto de kvitanco.

La referento neŝanĝanta sian pozon laŭte legis:

*«Al la ĉefpolicejo (kriminala aferejo), Loke. Estimata adresito, ni konfirmas la ricevon de la kvitanco pri la ricevo de pakajo, transdonita de ni la 24-an de januaro. Dankon! Bedaŭrinde pri la pakajo sammaniere transdonita de ni al la dejoranta policano ĉe la ĉefkapitanejo la 3-an de februaro ni ne trovis la kvitancon en la proponita gazeto. Nepre sciigu nin pri ĝia sorto kaj samtempe kvitancu la transprenon de tiuj tri banditoj kaj tiun de ilia rabajo, kiujn ni liveris la 27-an de februaro al la centra dejorejo. La kvitancon ni atendos en la gazeto «Vespera Heroldo». Alteslime servo. S. R. K. Notu, ke unu pakajo, konfiskita de ni dum la hodiaŭa nokta ĉasado, jam estas survoje al vi.»* — fininte la legadon la referento etendis la leteron al la inspektoro. — Mi raportas, ke mi finlegis la leteron kaj...

— Kaj vi ne rimarkis ion karakterizan?

— Ne, sinjoro inspektoro.

— La stampon, kara kolego, la stampon! La ruĝan stampon, kies emblemo ŝajnas esti dika multiplika signo, la tri literoj, divide lokitaj: S R K.

— Efektive, sinjoro inspektoro, efektive! Tre interese! S R K, S R K. Kion signifas tiuj majuskloj?

— Guste tion mi dezirus scii. Ĉu vi ne havas supozon?

— Sed jes, sinjoro inspektoro. Laŭ via permeso mi komunikas mian penson al vi.

— Nu, kuraĝe!

— Mi opinias, se la literoj estus S S R K anstataŭ la S R K, oni povus konkludi pri ia hitlerajo, naziafero, pri SS kaj...

— Sed, ĉar temas pri literoj S R K, via opinio estas iom sensenca. Nu, kara kolego, provizore aperigu la petatan kvitancon en la *Vespera Heroldo* kaj ni atendu je la bonŝanco... kaj cetere tiu mistera stampo kaj tiu pedanta precizemo pri la kvitancoj estas suspektindaj. Mi ne miras, se malantaŭ la kulisoj sin kaŝus personoj, kiuj guste tial estas tro precizaj, ĉar ilia pasinteco malfidon vekus kontraŭ ili. Kiel vi opinias, kara kolego?

— Absolute same, sinjoro inspektoro.

— Pardonu, mi forgesis, ke vi ĉiam havas la saman opinion, kiel mi.

* * *

Fruprintempa marta mateno estis, kiam la referento iom ekscitite raportis al sia ĉefo, ke Niki Bere, la magnetmana, kaj lia amiko Mateo Prinzel atendas en la antaŭĉambro kaj petas la sinjoron inspektoron akcepti ilin.

— Enlasu ilin!

La referento malfermis la pordon kaj elkriis. Post momento en la kadro de la pordo aperis du invalide aspektantaj figuroj: Niki Bere kun dike bandaĝita kapo rememorigis la filmoheroon de la «*Nevidebla homo*» kaj Mateo Prinzel, kies maldekstra brako, same bandaĝita pen-

dis fiksita per tuko al sia kolo. En la dekstra mano li tenis grandan paperpakajon.

— Kio okazis al vi, Nik — iom surprizite demandis la inspektoro.

— Nu, li batis plifrue ol mi — Nik rimarkis cinike.

— Kiu?

— Se mi scius, kiu li estas, nun ankaŭ li starus ĉi tie kun ni.

— Pro kio vi venis?

— Por demeti la servon.

— Kian servon?

— La libervolan deĵoradon ĉe la S R K.

La inspektoro kaj lia referento samtempe kaj tre vigle demandis:

— S R K?! Kion vi scias pri ĝi?

— Ĉion, ĉar ni ambaŭ estas tiu societo... Fidele ni servis, deĵoris, sed ankaŭ la bonfarado havas siajn limojn. La lastan rezulton, akiritan antaŭ du tagoj ĉe la angulo de la stratoj *Sziv* kaj Aradi, jen Matĉjo alportis. Demetu, Matĉjo. Jam hieraŭ ni volis veni, sed mia kapo tro zumis por piedmarŝadi ĉi tien.

— Nik, mi komprenas nenion el via babilado. Cetere, kion signifas tiu mistera S R K?

— Ĉu vi ne divenis? *Sekreta Ruĝa Kruco.*

— Kial sekreta?

— Ĉar ni bonfaris en sekreto.

— Ĉu vi bonfaris? — kaj la inspektoro dube ridetis. — Sed kial, kiel, kiam kaj kie?

— Jen viaj kutimaj demandoj — kaj Niki bonhumore palpebrumis el inter la bandaĝfendoj rekte al la okuloj de la inspektoro —, sed nun ne timigas nin la demandoj, ĉar ni venis ĝuste por demeti la servon kaj raporti al vi pri nia agado. Kiam ni lastfoje renkontis nin — ĉu vi rememoras, sinjoro inspektoro — mi diris, ke mi volas fari *ion tre bonan* al la socio, parte por rapidigi la geedziĝon kun la patrino de mia filo, parte por pruvi al la oficialaj homoj, ke Niki Bere efektive elektis novan vojon por si. La saman vesperon mi legis artikolon pri la «senvestigaj banditoj». Mi decidis libervole fari noktan deĵoron kaj promenante sur la stratoj de mia kvartalo malhelpi la prirabadojn. Kelkfoje mi sukcesis malhelpi, kvarfoje nur tiel, ke la banditoj postlasis la rabaĵon, kiun la postan tagon mi sendis al la policejo, eĉ unufoje ni eskor-

# Fino de somero

– Vjekoslav Majer –

Ĉie kuŝas muto. Dormas ter'.
Falis triumfarko de l' somer'.

Serpantinoj sub ĝi pasis lastaj.
Ekskursantoj. Kaj hirundoj hastaj.

Kaj ĝi falis, rompis sin kun bru'.
La cikadojn pistis la detru'.

Nur ankoraŭ, kun sonoro laŭta,
Trilis el la ruboj kant' alaŭda,

Kaj formortis. Mute dormas ter'.
Falis triumfarko de l' somer'.

El la kroata: *Boĵidar Vanĉik.*

tis tri banditojn al la centra deĵorejo de la ĉefkapitanejo. Pri ĉio ni havas la kvitancojn de la polico mem.

— Mi komencas kompreni la tutan aferon... La preĝemanima virino kaj ŝia filo... Interese... Sed kiel ĝi koncernas la Sekretan Ruĝan Krucon? Kial vi bezonis tiun nomon?

— Tio estas alia bonfaro nia. Kiam Matĉjo decidis sekvi min sur la nova vojo kaj iun tagon, kiam la unuan fojon ni sukcesis konfiski la rabaĵon de la forkurintaj banditoj, aperis la tento en formo de bonkvalita griza pantalono. Estis diskuto inter ni, ĉu ni estu *tute* honestaj, *duone* aŭ *tute ne*. Fine ni decidis esti absolute honestaj, kvankam ni konstatis, ke bone plenumita deĵorado meritas rekompencon tiom pli, ĉar tiun grizan pantalonon ni volis konservi ne por ni, sed por milita invalido, loĝanta kun tri infanoj en la kelo. Tiam aperis la ideo en mia kapo fondi la Sekretan Ruĝan Krucon. Post la taga laboro mi kaj Matĉjo vizitis kelkajn domojn por ekscii, kiu el la loĝantoj estas la plej riĉaj. Postan tagon mi skribis al li poŝtkarton, en kiu mi petis *libervolan donacon por la malriĉuloj de la distrikto.* Oni povas doni kian ajn uzeblan vestaĵon, ĉu viran, ĉu virinan, eĉ konvenan por infanoj kaj rekompence ni, *la servo de S R K*, protektos la adresiton kontraŭ la noktaj senvestigantoj. Por honeste plenumi tion, kion ni decidis, mi numer-

igis ĉiun poŝtkarton kaj petis, ke oni aludu pri la koncerna numero ĉe la donacado.

— Nik, kiel mi vidas, vi denove miksiĝis en friponaĵon — kriis la inspektoro.

— Tute certe! Mi same opinias, sinjoro inspektoro — rimarkis servoprete la referento.

— Kaj tiuj civitanoj estis sufiĉe malsaĝaj por donaci ion ajn. Ĉu?

— Sincere konfesante en komenco tute ne. Ni devis iom helpi al la reputacio de S R K. Ĉiunokte ni deĵoris du-tri horojn, ni sekvis de kelkpaŝa distanco la hejmenirantojn, dufoje ni eĉ sukcesis fortimigi suspektindajn figurojn, sed neniam ni trovis donacon ĉe la dirita loko. Estis necese fari reklamon. Jen! Hazardo donis la ideon. Iun nokton iu hejmeniranto, kiam renkontis Matĉjon, kiu faris sian deĵoran promenon, tiel teruriĝis, ke li komencis senvesti sin kaj ni devis persvadi lin, ke ni bezonas nenion de li, eĉ kontraŭe ni estas servantoj de S R K, kies tasko estas protekti la malfrue hejmenirantojn. Ni akompanis lin ĝis la pordego de la domo. De tiu tempo preskaŭ ĉiunokte ni sukcesis plifirmigi la prestiĝon de S R K. Matĉjo estis la atakanto, mi la defendanto, kiu forpelis la banditon kaj en sekureco akompanis hejmen la timigiton. Trioblan sukceson ni havis: S R K havis bonan famon en la distrikto, la veraj banditoj evitis nian kvartalon, precipe post tiu eskortado al la centra deĵorejo polica kaj ni ricevis dudekunu pakaĵojn.

— Nik, ci, ventkapulo, vi faris ruze elpensitan ĉarlatanadon kaj...

— Pardonu, sinjoro inspektoro, mi ne ŝtelis, mi ne senvestigis, simple mi akceptis libervolan donacon de tiu, kiu konsideris nian servon utila kaj finfine ne por propra profito. Jen la pruvo — kaj Niki Bere elpoŝigis kajeron, etendis ĝin al la inspektoro — bonvolu kontroli!

— Kio ĝi estas?

— La kontora taglibro de S R K — kaj Niki fiere rektigis sin, en liaj okuloj rebrilis la scio pri sia certa honesteco.

La inspektoro transpreninte la kajeron, malfermis, foliumadis ĝin, jen surprizite, jen nekomprene. Sub la titolo li legis: *Kontrolota de la polico.* Poste la konata stampo. Sekvis numerigitaj adresoj, ĉe kelkaj ruĝlitere la rimarko: «*vidu la liston de donacintoj*», kaj en tiu parto detale inventariita sekvis la enhavo de ĉiu pakaĵo, ĉe ĉiu objekto kun la noto «*ricevis*», kun la nomo de la donacito, poste noto krajona «*Kvitanco transdonite!*» aŭ «*Kvitanco konservite!*». La inspektoro jam divenis ĉion. Antaŭ li staras du iamaj krimemuloj, kiuj skrupule kaj naive klopodas reboniĝi kaj pruvi sian honestecon. Li kortuŝiĝis iom, kvankam la kutima dubemo de la detektivo viglis en li.

— Nu kaj kio estis via profito?

— Rigardu nin! Rompita kapo ĉe mi kaj ostorompo ĉe la brako de Matĉjo. Sed ne pro tio ni volas ĉesi la deĵoradon. Ni havos novan entreprenon. Mi inventis bonegan sekurseruron por loĝejpordoj. Eĉ mendojn ni jam havas. Jen!

— Kolose! La iama «magnetmana Nik», antaŭ kiu ne ekzistis nemalŝlosebla pordo, seruro kaj kaso, nun fabrikos sekurserurojn. Kolose! — kaj la inspektoro laŭte ekridis. La referento samopinie ridis kun li. — Ŝajnas al mi, ke vi efektive fariĝos honesta membro de la socio. Laŭ via deziro mi kontrolos la pli ol trimonatan agadon de via S R K kaj mi esperas, ke la rezulto kontentigos vian preĝemaniman virinon, kiu deziras honestan patron por sia filo . . . Almenaŭ estus dezirinde. Ĉu ne?

— Absolute, sinjoro inspektoro! Tiu knabo meritas... kaj mi tre ŝatus, se mian rehonorigon vi bonvolus konfirmi ĝustatempe per tio, ke vi akceptus esti unu el la oficialaj atestantoj dum mia geedziĝa ceremonio.

La mieno de la referento montris korfundan konsterniĝon: kia impertinenteco! Tiu ĉi demokratio detruas kaj malrespektas ĉiun dignon! Sed vidante la lojalan rideton de la ĉefo, li ne esprimis per vortoj sian ĉagrenon. Kompreneble ne, ĉar li devis vidi, ke la inspektoro tute afable kaj manpreme adiaŭas de siaj dubfamaj gastoj kaj li devis aŭdi, kiam la ĉefo — verŝajne pro taktiko — eĉ ne protestis kontraŭ tia kurioza honorpropono.

Kiam Niki Bere kaj lia amiko estis for, la inspektoro penseme rigardis la postlasitan pakaĵon, sur kiu estis skribite sur algluita slipo la dato, horo, enhavo kaj la naive mistera stampo de la S R K. Lia opinio balancis sin inter fido kaj dubo.

— Kio estas via opinio, sinjoro kolego, pri la tuta afero? — subite li turnis sin al la referento.

— Absolute la sama, kiel la via, sinjoro inspektoro — li respondis discipline ekpozante,

# La kanzono de Legnano

— G. Carducci —

Staras cezaro Frederik' en Como.
Kaj jen, sendit' enrajdas al Milano
Tra l' Nova Pord' kun delasitaj bridoj.
«Popol' Milana» petas li pasante,
«Min gvidu al Gherardo, la urbestro».
L' urbestro estis meze de la placo,
Kaj la sendit', el selo kliniĝinte,
Diris mallongajn vortojn kaj forspronis.
Gherardo, la urbestro signofaris,
Trombonoj sonis por la parlamento.

Trombonoj sonis por la parlamento.
Nek la palaco grandpilastra estis
Ankoraŭ refarita; nek tribuno,
Nek tur' ekzistis, nek en turo-supro
La sonoril': do inter nigraj ruboj
Verdantaj de dornaj', inter malaltaj
Domoj el ligno, en la plac' mallonga,
La milananoj faris parlamenton
Sub maja sun'. De l' pordoj kaj fenestroj
Rigardis la virinoj kaj infanoj.

«Milana sinjorar'» l' urbestro diras,
«Germanojn portas la printempo flora,
Kiel kutime. Paskas la manĝuloj
En sia grot', descendos poste valon.
Tra Engadin' du ekskomunikitaj
Ĉefepiskopoj gvidas la armeon.
La blonda cezarin' al sia Siro
Portas fidelan koron, novajn trupojn.
Como fortulojn sekvas, Ligon rompis.»
Ekkrias la popol': «Eksterm' al Como!»

«Milana sinjorar'» l' urbestro diras,
«Kolektis trupojn Frederik' en Como,
Ĝin movas por kuniĝi kun markizo
De Monferrat' kaj la pavianoj. Kion
Vi volas, milananoj, ĉu atendi,
Rigardi de la nova dig' armite,
Aŭ sendi delegitojn, aŭ defii
Per lanc' kaj glav' la Ruĝbarbulon kampe?
«Per lanc' kaj glav'» la parlamento tondras,
«Per lanc' kaj glav' la Ruĝbarbulon kampe!»

Elpaŝas nun Alberto di Giussano.
Per ŝultroj alte li superas ĉiujn
Kolektiĝintajn ĉirkaŭ la urbestro.
Per granda pov' de sia korp' li turas
Meze de l' parlament'; li en la mano
Havas la kaskon; liaj brunaj haroj
Inundas larĝan kolon, vastajn ŝultrojn.
Frapas la sun' vizaĝon klaran, dignan;
De l' bukloj, de l' okuloj refajreras.
La voĉo estas kiel maja tondro.

«Ho milananoj, fratoj, mia gento,
Ĉu vi memoras» diras nun Giussano,
«Kalendon Martan? La urbestroj pale
Rajdis al Lodi, kaj kun nuda glavo
En mano ili ĵuris je l' obeo.
Tricent ni rajdis la sekvintan tagon,
Kaj al piedoj liaj kise metis
Niajn belegajn tridek ses standardojn.
Majstro Guitelm oferis la ŝlosilojn
De l' malsata Milano. Kaj — nenio.»

---

kaj li ŝvite cerbumis pri la nedeklarita opinio de la ĉefo.

— Kompreneble, kiel ĉiam... Negrave! Kun speciala atento zorgu pri la kontrola afero de tiu ĉi S R K, ĉar esti atestanto dum la geedziĝo de iama...

— Absurdaĵo! Vere apaĉa impertinenteco estas peti vian bonvolon por partopreni en tiu geedziĝa ceremonio kiel oficiala atestanto. Mi admiris vian indulgemon ĉe tia...

— Kial, kara kolego? Rehonorigi iaman krimulon honestuliĝintan estas pli agrable ol aresti iaman honestulon krimuliĝintan. Ĉu ne?

La referento rigidiĝis en soldata pozo.

— Jes, sinjoro inspektoro, mi same opinias, absolute same!

«Ĉu vi memoras?» diras plu Giussano,
«Pri l' sesa tag'? Li volis ĉe l' piedoj
La trupojn, la popolon, la insignojn.
Tra la tri pordoj venis la loĝantoj,
L' Urbĉaro venis, batalpreta, poste
Granda amaso da popol' kun krucoj
En mano. Antaŭ li nun la trombonoj
De la Urbĉaro dissonoris laste.
Antaŭ li la standardo de l' Urbĉaro
Estis klinita. Li la randojn tuŝis.»

«Ĉu vi memoras?» diras plu Giussano:
«Vestitaj en la sako de la pento,
Kaj kun piedoj nudaj, ŝnur' ĉe l' kolo,
Ŝutinte cindron al la kap', en koto
Ni ekgenuis, levis niajn brakojn,
Kaj petis pri mizerikordo. Ĉiuj
Sinjoroj, kavaliroj, ĉirkaŭante
Lin, larmis. Li, starante rekte apud
La imperia ŝildo, nin observis
Mute per sia diamant-rigardo.»

«Ĉu vi memoras?» diras plu Giussano,
«Ke ni, hontante, la sekvintan tagon,
De l' voj' rimarkis la imperiestrinon
Tra l' krad' rigardi nin. Kaj tra la krado
Alĵetis ni la krucojn, alkriante:
— Ho vi, imperiestrino bela, blonda!
Fidela! Pia! Glor' de niaj damoj! —
Ŝi retiriĝis. Li al ni ordonis
Detrui pordojn, murojn de l' du ringoj,
Ke li kun batalpreta trup' trapaŝu.»

«Ĉu vi memoras?» diras plu Giussano,
«Naŭ tagojn ni atendis. Kaj foriris
Ĉefepiskop' kaj grafoj kaj juĝistoj.
Je l' deka venis la ekzil': — For, fiaj,
Kun la edzinoj, filoj kaj havaĵoj:
Ok tagojn donas al vi l' imperiestro. —
Kaj hurle kuris ni al Sant Ambrogio,
Mankroĉis nin al tomboj kaj altaroj.
For de l' preĝej', kun filoj kaj edzinoj
Nin ili pelis kiel hundojn favajn.»

«Ĉu vi memoras?» diras plu Giussano,
«Pri la dimanĉo trista de olivoj?
Ve, pasion' de Krist' kaj de Milano!
Unu post unu ĉe l' kvar Sanktaj Korpoj
Falegi vidis ni la tricent turojn
De l' bastion', kaj fine, tra la polva
Ruin' aperis al ni la rompitaj,
Dispecigitaj, stumpigitaj domoj:
Vidiĝis en tombej' skeletoj. Sube
Ardis la ostoj de mortintoj niaj.»

Post ĉi parol', Alberto di Giussano
Okulojn siajn kovris ambaŭmane,
Kaj ploris: en la mez' de l' parlamento
Li ploris kaj lamentis kiel knabo.
Kaj tiam tra la tuta parlamento
Trakuris kvazaŭ sovaĝbesta hurlo.
De l' pordoj kaj fenestroj la virinoj
Taŭzitaj, palaj, brakojn etendante,
Okulstreĉante al la parlamento,
Ekmuĝis: «Huj! Mortigu l' Ruĝbarbulon!»

«Nu jen! Do bone!», diras nun Giussano,
«Mi ne plu ploros! Venos nia tago,
Ho milananoj, kaj ni devas venki!
L' okulojn mi sekigas; rigardante
Vin, bela sun' de Dio, jen mi ĵuras:
Mortintoj niaj morgaŭ nokte havos
Novaĵon dolĉan en Purgatorio:
Kaj ja per mi!» Sed la popolo diras:
«Pli ĝuste per la imperianoj.» Ride
La sun' subiris post la Resegone.

El la itala: *K. Kalocsay.*

*Noto.* «Morgaŭ nokte», vere, multaj imperianoj-germanoj portis al la mortintaj milananoj «novaĵon dolĉan al Purgatorio». En la batalo ĉe *Legnano* (29. V. 1176) Milano kaj la Lombarda Ligo plene venkis la Ruĝbarbulon. Ankaŭ li mem estis vundita kaj apenaŭ sukcesis rifuĝi al Pavio. Grandsignifa estis tiu venko: la unua triumfo de la nova, urba, malŝatata burĝa klaso super la fieregaj feŭdalaj-nobelaj trupoj.

*(K. K.)*

# Patro Nia

— Valentin Katajev —

«Mi volas dormi. Estas malvarme al mi.»

«Dio mia, ankaŭ mi volas dormi. Vestu vin! Ĉesu afekti! Sufiĉe! Ĉirkaŭligu vian ŝalon! Surmetu vian ĉapon. Surmetu viajn peltbotojn. Kie estas la sakogantoj? Restu trankvila! Ne turnu vin tien kaj ĉi tien!»

Kiam la knabo estis vestita, ŝi prenis lin ĉe la mano kaj ili forlasis la domon. La knabeto ankoraŭ ne estis tute vekiĝinta. Li estis kvar jarojn aĝa. Li tremis de la frosto kaj ŝanceliĝis dum irado. La tago nur nun krepuskis. Blua frosta nebulo pendis super la strato. La patrino ligis la ŝalon pli firme ĉirkaŭ la kolo de la knabeto, ordigis lian kolumon kaj premis kison sur la dormeman, murmureman vizaĝon de la filo.

La sekiĝintaj rebo-branĉoj, kiuj pendis sur la ligno-verando kun disrompitaj fenestrovitroj, ŝajnis kvazaŭ sukeritaj de la prujno. Estis dudekkvin gradoj da malvarmo. Dike vaporis la spiro el la buŝo. La korto estis kovrita per frostinta pork-nutraĵo.

«Kien ni iras, panjo?»

«Mi ja diris al vi: promeni.»

«Do kial vi kunprenis vian mansakon?»

«Ĉar mi bezonas ĝin. Nun silentu! Ne babilu! Fermu la buŝon! Vi malvarmumos. Vi ja vidas, kiom malvarme estas. Prefere rigardu sur la teron, por ne glitfali.»

Ĉe la pordego staris la dommastro en longa ŝafpelto kaj blanka antaŭtuko kun la lada ŝildo sur la brusto. Ŝi iris plu nezorgante pri la dommastro. Silente li fermis post ili la pordeton kaj puŝis la pezan fer-hokon. Ili iris laŭlonge de la strato, nenie kuŝis neĝo. Ĉie estis nur glacio kaj prujno. Sed tie, kie estis nek glacio, nek prujno, oni vidis nur glatan ŝtonon aŭ teron, kiu estis dura kaj glata kiel ŝtono. Ili foriris sub la kalvaj, nigraj akacioj, kiuj grincis laŭte en la frosta aero.

Patrino kaj filo estis preskaŭ simile vestitaj. Ili portis sufiĉe bonajn peltojn el imitita simio-felo, ĉampankolorajn feltbotojn kaj buntajn lanajn sakogantojn; sed la patrino ligis kvadratitan tukon ĉirkaŭ la kapo, dum la filo portis rondan ĉapon el simiofelo kun orel-klapoj. La strato estis malplena. Kiam ili atingis la stratokruciĝon, tiel laŭte ekkrakis la funelo de la laŭtparolilo lokita en la strato, ke la virino ektremis; sed tuj venis en ŝian kapon, ke baldaŭ komenciĝos la matena sendado de la radio. Kiel ĉiam, ĝi komenciĝis per kokokrio. La trolaŭta voĉo de la koko sonoris melodie tra la tuta strato kaj anoncis la krepuskon de la nova tago. La knabeto rigardis supren al la kesto-forma megafono:

«Panjo, ĉu ĝi estas koko?»

«Jes, mia infano.»

«Ĉu ĝi ne frostas tie?»

«Ne, ĝi ne frostas tie. Ne turnu vin tien kaj ĉi tien. Rigardu sur la teron!»

Poste denove ekkrakis la megafono kaj delikata infanvoĉo diris en anĝela tono:

«Bonan matenon! Bonan matenon! Bonan matenon!»

Post tio la sama voĉo diris malrapide kaj tre varme en rumana lingvo la preĝon:

«Patro nia, kiu estas en la ĉielo, sanktigita estu via nomo, venu via regno, plenumiĝu via volo...»

Ĉe la stratangulo la virino sin turnis kun la dorso al la vento kaj rapidis, trenante kun si la knabeton, preskaŭ kurante, kvazaŭ ŝin persekutus tiu ĉi tro laŭta kaj tro delikata voĉo. La voĉo baldaŭ ekmutis. La preĝo estis finita. La vento blovis de la maro tra la glaciaj koridoroj de la stratoj. Plu antaŭe brulis ŝtip-fajro ĉirkaŭita de ruĝeta nebulo, ĉe kiu germana patrolo sin varmigis. La virino sin turnis kaj iris en la kontraŭa direkto. La knabeto kuris apud ŝi, piedbatante per la ĉampankoloraj peltbotoj. Liaj vangoj ruĝis kiel oksikokoj. Sub la nazo pendis malgranda glaciiĝinta guto.

«Panjo, ĉu ni jam promenas?» — demandis la knabeto.

«Jes, ni jam promenas.»

«Mi ne volas tiel rapide promeni.»

«Klopodu do iom.»

Ili uzis trair-korton kaj atingis alian straton. Jam heliĝis tute. Tra hela kaj pli malhela bluo de la nebul- kaj vapornuboj pale fosforeskis la rozkolora matenkrepusko. Ĝi brilis tiel malvarme, ke la vangoj iĝis rigidaj de ĝia rozeta lumo, kvazaŭ oni havus ion acidan en la buŝo. Sur la strato vidiĝis kelkaj homoj. Ili iris en la sama direkto. Preskaŭ ĉiuj portis paketojn. Kel-

kaj veturigis sian havajon sur ŝarĝ-veturiletoj, kiujn ili puŝis antaŭ si, aŭ tiris tutpakitajn infan-glitveturilojn, kies reloj krakante gratis la nudan pavimon.

Ĉi tiun matenon, el ĉiuj anguloj de la urbo, simile al formikoj, pezŝarĝitaj homoj sin trenis en unu direkto. Ili estis judoj, kiuj iris al la getto. Oni establis la getto-n en Peressyp, en tiu enua suba urboparto, kie samnivele kun la maro staris la elbrulintaj petrolujoj, aspektantaj kvazaŭ tendoj de migrantaj cirkoj. Kelkajn malpurajn domblokojn oni ĉirkaŭbaris per du linioj de rusta dorn-drato kaj oni lasis libera unu solan enirejon kvazaŭ al muskaptilo. La judoj marŝis laŭlonge de la stratoj, kiuj kondukis al Peressyp. Ili iris tien sub la fervojaj vojpontoj. Ili glitfaladis sur la glaciaj vojetoj. Inter ili estis maljunuloj, kiuj ne povis marŝi kaj tif-malsanuloj. Oni portis ilin sur brankardoj. Iuj falis kaj restis kuŝantaj sur la strato, apoginte la dorson al lanterno aŭ brakumante gisferan palison. Neniu akompanis ilin. Ili iris memvole, sen ia eskorto. Ili sciis, ke ĉiu, kiu restas hejme, estos mortpafita. Tial ili iris memvole. Se iu donus al judo rifuĝejon, ankaŭ tiu estus mortpafota. Pro kaŝita judo ĉiuj, kiuj loĝis en la sama loĝejo, senescepte tuj estis mortpafitaj. El la tuta urbo marŝis la judoj al la getto, malsupren sur la krutaj deklivoj, sub la fervojaj viaduktoj, puŝante antaŭ si la ŝarĝveturiletojn kaj gvidante per la mano la envolvitajn infanojn. Inter la domoj kaj la prujnokovritaj arboj ili iris, unu post la alia, kiel formikoj. Ili iris preter fermitaj pordoj kaj pordegoj, preter fumantaj ŝtip-fajroj, ĉe kiuj rumanaj kaj germanaj soldatoj sin varmigis. La soldatoj ne atentis la judojn; ili varmigis sin, piedbatis per la botoj kaj frotis la orelojn per sako-gantoj.

La frosto estis timiga. Ĝi estus sufiĉe forta eĉ por urbo en la nordo. Sed por Odessa ĝi estis simple terura. Unufoje dum tridek jaroj troviĝas en Odessa tia frosto. Tra la dika haladzo de la blua kaj verda nebulo pale brilis la malgranda cirklo de la suno. Sur la pavimo kuŝis rigidaj, frostintaj paseroj, kiuj dum flugo estis mortigitaj de la frosto. La maro estis glaciiĝinta ĝis la horizonto. Ĝi estis blanka. De tie blovis la vento.

La virino aspektis kiel rusino. Ankaŭ la knabeto aspektis kiel ruso. La patro de la knabeto estis ruso. Sed tio ne helpis. La patrino estis judino. Ili devis iri al la getto. La patro de la knabeto estis oficiro de la Ruĝa Armeo. La virino disŝiris sian pasporton kaj ĵetis ĝin ĉi matene en la glaciiĝintan necesejon. Ŝi forlasis la domon kun sia filo, intencante vagadi en la urbo tiom longe, ĝis ĉio trankviliĝos. Ŝi esperis iel saviĝi. Estus frenezo iri al la getto. Tio signifus certan morton. Kaj nun ŝi vagadis kun la knabeto tra la urbo, klopodante eviti la plej homplenajn stratojn. Komence la knabeto silentis, ĉar li kredis, ke ili promenas. Sed baldaŭ li iĝis senpacienca:

«Panjo, kial ni iras dum la tuta tago?»

«Ni promenas!»

«Oni ne promenas tiel rapide. Mi estas laca.»

«Restu trankvila, mia infano. Ankaŭ mi estas laca, tamen mi ne kondutas malbone.»

Ŝi rimarkis, ke efektive ili iris tro rapide; preskaŭ ili kuris, kvazaŭ ili estus persekutitaj. Ŝi devigis sin al pli malrapida iro. La knabeto rigardis al ŝi kaj ne rekonis ŝin. Kun teruriĝo li rimarkis la ŝvelintan, dolor-morditan buŝon, la harar-fasketojn griziĝintajn pro la frosto, kiuj malbele elruliĝis el sub la kaptuko, kaj la nemoviĝantajn, vitrecajn okulojn kun la rigidaj pupiloj. Tiajn okulojn li vidis ĉe siaj bestludiloj. Ŝi rigardis al sia filo kaj ne vidis lin. Ŝi tiris post si la knabeton, kunpremante lian etan manon. Timo kaptis la knabeton. Li eksploris:

«Mi volas hejmeniri. Mi volas fari *pipi*.»

Ŝi kondukis lin haste post iun anoncan kolonon, kiu estis plengluita per germanaj dekretoj. Dum ŝi stariĝis antaŭ lin por lin ŝirmi kontraŭ la vento, kaj dum ŝi la pelton kaj pantaloneton al li mal- kaj rebutonumis, la knabeto daŭrigis la ploron, tremante de la malvarmo. Kiam ili pluiris, li diris, ke li volas manĝi. Ŝi kondukis lin al laktejo; sed ĉar tie matenmanĝis du rumanaj policistoj en vastaj peltoj kun kolumoj el hundofelo, kaj ĉar ŝi posedis nenian dokumenton kaj timis, ke oni povus ilin aresti kaj transporti al la getto, ŝi faris, kvazaŭ ŝi estus mistrafinta la pordon. Ŝi petis pardonon kaj rapide fermis la pordon muntitan per sonorilo. La knabeto kuris post ŝi, nenion komprenante kaj ploris. Alia laktejo estis malplena. Kun sento de malpeziĝo ŝi transpaŝis la sojlon, sur kiu huffero estis alnajlita. Ŝi mendis por la knabeto botelon da acida lakto kaj unu kringon. Dum la envolvita knabeto, sidante sur la alta seĝo, trin-

kis acidan lakton, kiun li tre amis, kaj maĉis la kringon, febre ŝi pripensadis, kion ŝi plu faru. Nenio venis en ŝian kapon. Sed en la laktejo brulis fajro en fera forno kaj oni povis sin varm'igi. Ŝajnis al la virino, kvazaŭ la mastrino tro atente ŝin rigardus. Haste ŝi pagis sian konton. La mastrino ĵetis maltrankvilan rigardon tra la fenestro kaj proponis al la virino ankoraŭ iom resti ĉe la forno. La forno estis ardanta. Ĝi estis preskaŭ ĉerizruĝa, nur iom pli malhela. Fajreroj ŝprucis tra la fero. La varmo faris la knabeton dormema. Liaj palpebroj fermiĝis. Sed la virino rapidis. Ŝi dankis al la mastrino kaj diris, ke ŝi ne havas tempon. Tamen ili pasigis ĉi tie preskaŭ unu horon. La dormema kaj sata knabeto nur pene povis stari sur la piedoj. Ŝi skuis lin ĉe la ŝultro, ordigis lian kolumon kaj milde puŝis lin antaŭen. Li stumblis sur la huffero najlita al la sojlo. La knabeto etendis al ŝi la manojn kaj ŝi denove gvidis lin laŭlonge de la stratoj. Tie staris aĝaj acer-arboj. Ili iris preter la makulitaj acer-arboj kun delikata, prujnokovrita krusto.

«Mi volas dormi» — diris la knabeto, kunpremante la okulojn pro la glacia vento.

Ŝi faris, kvazaŭ ŝi ne aŭdus. Ŝi trakomprenis, ke ŝia situacio estas malespera. Preskaŭ nenian konaton ŝi havis en la urbo. Du monatojn antaŭ la milito ŝi venis ĉi tien kaj restis ĉi tie retenita. Ŝi estis tute sola.

«Estas malvarme ĉe miaj genuoj» — diris la knabeto ploreme.

Ŝi tiris lin flanken kaj frotis al li la genuojn. Li trankviliĝis. Subite ŝi ekmemoris, ke ŝi tamen havas konatan familion en la urbo. Ili interkonatiĝis sur la vaporŝipo «Gruzia» dum la vojaĝo el Novorossijsk al Odessa. Poste ili kelkfoje renkontiĝis. Ili estis la junaj geedzoj Pavlovski: la edzo estis docento en la universitato, la edzino ĵus absolvis la konstru-artan altlernejon. Ŝi estis nomata Vera. La du virinoj tre ekplaĉis unu al la alia kaj dum la vojaĝo ili interamikiĝis. En Odessa ili kelkfoje vizitis unu la alian. Ankaŭ la viroj fariĝis amikoj. Foje en duopo ili eĉ preskaŭ ebriiĝis. Foje ili ĉiuj — la virinoj kaj la viroj — iris kune al la futbal-maĉo Charkov—Odessa. La geedzoj Pavlovski estis entuziasmaj partianoj por la taĉmento de Odessa. Ŝi kaj ŝia edzo entuziasmis por Charkov. Odessa gajnis. Dio mia, kio okazis sur tiu giganta nova stadiono super la maro! Vokoj, krioj, insultoj kaj giganta polvonubo. Tiam ili preskaŭ interkverelis. Sed nun impresis strange rememori pri t'o. Pavlovski ne estis en la urbo. Pavlovski estis en la Ruĝa Armeo. Sed Vera reteniĝis, ŝi ne evakuis sin ĝustatempe. Antaŭnelonge ŝi renkontiĝis kun Vera sur la Aleksandro-placo kaj ili eĉ parolis mallonge unu kun la alia. Tamen ne estis sendanĝere trolonge restadi sur la placo. La germanoj preskaŭ ĉiutage faris razion. La virinoj ne parolis eĉ kvin minutojn. De tiam ili ne intervidiĝis. Vera verŝajne estis en la urbo. Kien ŝi devus iri? La geedzoj Pavlovski estis rusoj. Oni povus provi ĝisatendi la eventojn ĉe Vera. En ekstrema okazo lasi ĉe ŝi la knabeton. La geedzoj Pavlovski loĝis sufiĉe malproksime: en la Pirogov-strato, ĉe la angulo de la Franca Bulvardo. La virino returniĝis.

# Almozula Kanto

— Karolo Piĉ —

Amiko mia, almozulo,
la vivo estas tamen ĝoj';
ni ambaŭ estas ja nur nulo,
sed por ni sonas hunda boj',

kaj por ni ĉiutage flamas
en alto la brilanta sun',
nin ĉie tre afable amas
la ĉiam fidelega nun'

kaj nin virin' rigardsalutas,
por ni sub ŝia bluza lan'
ekscite kaj pekeme krutas
oranĝoforma, pinta mam'.

Por ni en ĉiu tago floras
milopaj ĝojo kaj konsol';
se ni ripozas aŭ laboras
ni ĉiam vivas kun fervor';

kaj kiam fine la vespero
sur ĉion falas kiel ret',
nin bonvenigas ĉe l' rivero
agrabla varma gastejet'.

«Panjo, kien ni iras? Ĉu hejmen?»

«Ne, mia infano, ni faros viziton.»

«Ĉe kiu?»

«Ĉu vi memoras pri onklino Vera Pavlovskaja? Ni iras viziti onklinon Vera Pavlovskaja.»

«Bone» — diris la knabeto trankviliĝinte. Li volonte faris vizitojn. Lia vizaĝeto eksereniĝis.

Ili transiris la Stroganov-ponton, super la strato, kiu kondukas al la haveno. La straton oni nomis kvaranten-vojo. Malsupre staris enuaj ortangulaj domoj el sabloŝtono. Iuj estis elbrulintaj. Ĉe fino de la vojo oni vidis la arkon de iu alia ponto. Post la arko trembrilis la ruinoj de la haveno. Pli malproksime, trans la karbiĝintaj, enfalintaj tegmentoj kuŝis la blanka, ĝishorizonte glaciiĝinta maro. Tute ĉe la horizonto lumis malhelblue strio de la libera akvo. Apud la blankaj ruinoj de la fama lumturo de Odessa, kaptitaj de la glacio, kuŝis kelkaj plumbgrize farbitaj rumanaj transportistoj. Maldekstre, en la foro, sur la monto, tra la haladzoj de la rozeta kaj delikatblua nebulo blue brilis la konkforma kupolo de la urbteatro. La krado de la Stroganovponto konsistis el longa vico de altaj feraj lancoj. La lancoj estis malhelnigraj. Malsupre homoj kun siteloj grimpis sur la kvaranten-vojon. La akvo de la siteloj elŝprucis, ekfrotis sur la pavimo kaj en la morna lumo de la rozeta suno briletis kiel glacio. Ĉio ĉi kune estis tre bela. Finfine oni povos ja ĝisatendi la eventojn ĉe la geedzoj Pavlovski kaj la cetero klariĝos poste.

Ili iris tre longe. La knabeto estis laca, sed li ne kontraŭparolis. Haste li paŝetis en siaj ĉampankoloraj felbotoj, sed nur pene li povis sekvi la paŝojn de la patrino. Li volis kiel eble plej rapide alveni al onklino Vera. Li volonte iris al vizitoj. Dumvoje la patrino kelkfoje frotis al li la vangojn blankiĝintajn de la frosto. Antaŭ la domo, en kiu la geedzoj Pavlovski loĝis, sur la vojeto brulis ŝtip-fajro, ĉe kiu soldatoj sin varmigis. La domo estis granda kaj havis plurajn alojn. La pordego estis fermita kaj la ĉeno estis surmetita. Tie estis razio. Al ĉiu, kiu volis en la domon, aŭ kiu volis forlasi la domon, oni ekzamenis la dokumentojn. La virino ŝajnigis, kvazaŭ ŝi devus rapidi kaj preteriris la pordegon. Neniu atentis ilin. La knabeto komencis denove ĝemeti. Tiam ŝi lin prenis sur la brakon kaj kuris sur la bluaj platŝtonoj, per kiuj la vojeto estis pavimita. La knabeto trankviliĝis. Denove ŝi ĉirkaŭvagadis en la urbo. Ŝajnis al ŝi, ke ili tro ofte sin montras sur la samaj lokoj kaj ke oni jam atente ilin rigardas. Tiam venis en ŝian kapon, ke ŝi povus pasigi kelkajn horojn en kino. La prezentadoj komenciĝis frue, ĉar sub mortpuno estis malpermesite montri sin sur la stratoj post la oka horo vespere.

Ŝi sentis naŭzon kaj kapturnon en la sufoka, fetora ĉambrego plena de soldatoj kaj publikulinoj, kiujn simile al ŝi la frosto pelis ĉi tien de la strato. Sed ĉi tie almenaŭ estis varme kaj oni povis sidi. Ŝi malfirmigis la ŝalon ĉirkaŭ la kolo de la knabeto kaj li tuj endormiĝis, premante ambaŭ manojn al ŝia brako. Ŝi restis, ne forlasante la ĉambregon, sidanta dum du pre-

# La Dolora prokrasto

## (For de ŝi kaj senlabora)

Aŭdu, kara, kiel krias via infano!
Infano nenaskita, de ni ne generita:
infano, kies eston prohibis rigla mano
de la disiĝo kruda, de la prokrasto spita.

Sentu, kara, kiel gutas for la tempo,
tagoj de mielo, horoj de ekstazo:
el la vivo gutas nia korprintempo,
kiel kara vino el fendita vazo.

Vidu, kara, kiel radias mia mano
per elektra forto, viva energio;
por kreo, por kareso, por akir' de pano,
man' trioble forta vibras por nenio.

Aŭdu, kiel ŝire veas nia infano!

Sentu, kiel tempo gutas for en vano!

Vidu, kiel vake vibras mia mano!

Aŭdu, sentu, vidu: tri ĉagrenaj mankoj
tra la sensoj sendas la dolor-signalon.
Piku la doloroj kiel fajro-langoj,
pelu nin al venko, spronu en batalon!

*Reto Rosetti*

zentadoj, sen ĝuste kompreni, kio okazas sur la filmtolo. Verŝajne estis milita semajnoĵurnalo kaj poste ia komedio aŭ io tiaspeca: ŝi ne povis ĝuste kompreni la sencon. Ĉio kirliĝis kaose. Baldaŭ la tuta filmtolo estis okupita de la kapo de beleta blondbukla knabino, kiu premis la vangon al la plata brusto de granda viro sen kapo, kaj ili duvoĉe kantis ian kanton, akompanate de muziko. Baldaŭ la sama knabino paŝis en malultan vetkur-aŭton, baldaŭ suprensaltis nigraj fontanoj de eksplodoj — unu, du, tri, kvar, unu post la alia — kun lada krakado, kvazaŭ per unu ekpuŝo oni disŝirus tegmento'adon en longajn rubandojn — kaj nigraj terbuloj hajlis malsupren, krakante sur ladajn tamburojn kaj super la plugita tero grimpis tankoj kun nigraj krucoj, ili grincis, ŝancelis kaj sputis el siaj longtubaj kanonoj ankoraŭ pli longajn fajrolangojn kaj kirliĝintajn nubojn de blanka vaporo.

Germana soldato en ledplandaj feltboloj kaj en rusa peltoĉapo kun orelklapoj sin ekklinis peze tra super la ŝultroj de la virino kaj kun sia granda, malpura fingro li tiklis la knabeton ĉe la kolo por lin veki. Li odoris de ajlo kaj brando. Samtempe dum la tuta tempo li ridetis amike kaj ripetadis ĉiam denove:

«Ne dormu, bubeto, ne dormu, bubeto!»

La knabeto ne vekiĝis, nur turnis la kapon kaj ekĝemis dormante. Je tio la germano lokis sian pezan kapon sur la ŝultron de la virino, brakumis ŝin per unu brako kaj frotis per la alia mano la vizaĝon de la knabeto. La virino silentis pro la timo, ke ŝi kolerigos la soldaton. Ŝi timis, ke li eble povus postuli ŝiajn dokumentojn. Krome la germano odoris je fumita fiŝo. Ŝi sentis naŭzon. Ŝi koncentrigis sian tutan volforton por ne ekscitiĝi kaj fari skandalon. Ŝi persvadis sin, ke ŝi restu trankvila. Finfine tio, kion la germano faris, ne estis io speciale malbona. Simple li estis tute ordinara impertinentulo. Oni povas lin toleri. Cetere la germano baldaŭ endormiĝis sur ŝia ŝultro. Ŝi sidis ne moviĝante. La germano estis tre peza. Bone, ke li dormis.

La blondbukla knabino denove trakuris la filmtolon kaj samtempe kun ŝi tra la tuta ĉambrego kuris longa fasko da blankaj kaj nigraj radioj. Kaj kun fera bruego eksplodis nigraj fontanoj, grimpis tankoj, germanaj taĉmentoj marŝis tra la dezerto sablo; sur la Eiffel-turo leviĝis giganta hokkruca flago kaj Hitler kun la pinta

# Marto

Ĉu vi eĉ ne rimarkis, ke l'bubo Marto iris
al via flanko ŝtele, kun paŝo kapreola
kaj dum vi atendis tramon kun animo torpora,
li kun petola gesto la jakon al vi ektiris?

Ĉu vi eĉ ne rimarkis?... Al ĉielblu' vi miris
kun kor' melankolia, en posttagmez' fruhora;
kiel kaduka arbo vi staris orfa, sola
kaj post fuĝintaj sonĝoj frostante vi sopiris.

Surstrate brua svarmo. Sur la popolo danda
ekfloris la vestaĵoj, kaj dum pri l'bildo vanta
vi gapis — blonda, svelta figuro alrapidis.

Inter vi pont' momenta de interrigardo arkis,
jam vin altiris io, sed ĉio preterglitis,
kaj kun ĝi la Feliĉo... Ĉu vi eĉ ne rimarkis?

*Ludoviko Tárkony*

nazeto kaj kun la mentono de ineto bojis de sur la filmtolo, balanciĝis kun sia virineca postaĵo, rulis la okulojn kaj fermis kaj apertis la buŝon en rapida alterno. Li tiel rapide fermis kaj apertis la buŝon, ke la vortoj ĉiam eksonis iom tro malfrue: «Vaŭ, vaŭ, vaŭ, vaŭ...»

La soldatoj en la mallumo pinĉis la publikulinojn kaj la publikulinoj kriaĉis. En la ĉambrego estis tro varme kaj sufoke kaj odoris je ajlo, fumita skombro, brando, medikamento, kaj je la rumana parfumo «Chat noir». Kaj tamen estis ĉi tie pli bone ol ekstere en la malvarmo. La virino iom ripoziĝis. La knabeto sat-dormis. Sed la lasta prezentado finiĝis, kaj denove oni devis iri al la strato. Ŝi prenis la knabeton ĉe la mano kaj ili ekiris. En la urbo estis plena mallumo. Nur dika frosta nebulo migris inter la mallumigitaj domoj. Ĝi gluiĝis sur la palpebrojn. En la stratoj brulis fumantaj ŝtip-fajroj, kiujn preskaŭ sufokis la frosto. Foje-foje ie knalis unuopaj pafoj. Patroloj marŝadis tra la stratoj. Estis post la oka. Ŝi prenis la peziĝintan dormantan infanon sur la brakon kaj kuris, preskaŭ freneziĝinte pro la nura ekpenso pri tio, ke iu patrolo povus ilin haltigi. Ŝi elektis la plej malproksimajn stratojn.

Prujnokovritaj acerarboj kaj akacioj kiel fantomoj staris laŭlonge de la stratoj. La urbo estis dezerta kaj malluma. Kelkfoje en la mallumo apertiĝis pordo kaj samtempe kun la akra lumradio, kiu subite lumigis la glaciiĝintajn aŭtojn antaŭ la enirejo, por momento inundis el la drinkejo la pasia, penetranta ĝemo de la violonoj. Sekure atingis la virino la parkon Ŝevĉenko. La giganta parko etendiĝis laŭlonge de la maro. Tie estis senhome kaj silente. Precipe silente estis malsupre, ĉe la piedo de la deklivo, super la maro glaciiĝinta ĝis la horizonto. Super la maro leviĝis silento, dika kiel muro. Kelkaj grandaj steloj briletis super la blankaj branĉoj de la arboj. Tra la steloj glitis la helblua radio de reflektoro.

Ŝi iris laŭlonge de la larĝa asfaltita strato. Maldekstre kuŝis tiu stadiono, kie ili ĉiuj kune ĉeestis la futbal-maĉon Odessa—Charkov. Malantaŭ la ruinoj de la stadiono estis la maro. En la mallumo oni ne povis ĝin vidi, sed el la silento oni tuj divenis ĝian proksimecon. Dekstre etendiĝis la parko. La larĝa asfaltita strato brilis en la lumo de la steloj kiel smirgo. La virino marŝis kaj rekonis la unuopajn arbspecojn. Estis ĉi tie cigar-arboj kun longaj skot-formaj kapsuloj, kiuj kiel ŝnuroj pendis malsupren ĝis la tero. Estis ĉi tie kuglo-akacioj, acer-arboj, tujoj, vinagroarboj. Kovritaj per dika prujno, ili fandiĝis unu kun la alia kaj pendis profunde super la tero kiel nuboj. Ŝi prenis ekspiron kaj nun pli malrapide paŝadis laŭlonge de la senfinaj vicoj de forlasitaj benkoj. Cetere iu sidis sur unu el la benkoj. Ŝi preteriris kun batanta koro. La nigra figuro, kiu apogis la kapon al la benk-dorso, ne moviĝis. La virino rimarkis, ke la viro, kvazaŭ arbo, estas duonkovrita per prujno. Super la nigra kupolo de la observatorio, kiu suprenleviĝis el la blankaj nuboj de la parko, brilis la poluritaj steloj de la Granda Urso. Ĉi tie estis tre silente kaj oni sin sentis libera de ĉia angoro. Eble la virino tial ne sentis angoron, ĉar ŝi estis mortlaca.

Sed la postan matenon, kiam la tago apenaŭ krepuskis, ŝarĝaŭtoj iradis tra la urbo por kolekti la kadavrojn de la homoj frostiĝintaj dum la nokto. Unu el la ŝarĝaŭtoj malrapide iris laŭlonge de la larĝa asfaltita strato de la Ŝevĉenkoparko. La aŭto haltis dufoje. Unue ĝi haltis antaŭ la benko, sur kiu sidis la frostiĝinta maljunulo. La duan fojon ĝi haltis antaŭ la benko, sur kiu sidis virino kun knabeto. Ŝi tenis lin ĉe la mano. Ili sidis unu apud la alia. Ili estis preskaŭ same vestitaj. Ili portis sufiĉe bonajn peltojn el imitita simio-felo, ĉampankolorajn peltbotojn kaj buntajn sak-gantojn. Ili sidis kvazaŭ vivantaj, nur iliaj vizaĝoj, kiuj dum la daŭro de la nokto kovriĝis per prujno, estis tute blankaj kaj lanugaj, kaj sur iliaj palpebroj pendis glacifranĝoj. Kiam la soldatoj levis ilin, la korpoj ne perdis sian rigidan pozon. Per forta svingo ĵetis la soldatoj la virinon en ŝia sidanta pozo sur la ŝarĝaŭton. Kiel ligno ŝi frapiĝis al la maljunulo. Tiam per facila svingo ĵetis la soldatoj la knabeton en lia sidanta pozo sur la aŭton. Kiel ligno li frapiĝis al la virino kaj eĉ iomete rebatiĝis alten.

Dum la ŝarĝaŭto pluiris, eksonis en la funelo de la strata megafono la kokokrio, kiu anoncis la komencon de la nova tago. Post tio delikata infanvoĉo diris trifoje en anĝela tono:

«Bonan matenon! Bonan matenon! Bonan matenon!»

Post tio la sama voĉo diris malrapide kaj tre varme en rumana lingvo la preĝon: «Patro nia, kiu estas en la ĉielo, sanktigita estu via nomo, venu via regno..»

El la rusa: *L. Skit.*

# Preaŭtuna tago

– DOBRIŜA CESARIĈ –

Jam sen iama ard' la tago,
Sed sunas kaj ridetas ĝi.
Sen krio pasis kaj sen ago.
Lasta vendist' de dolĉglaci'.

Zigzagas tra la urb' senĝoje
La blanka homo de l' somer'.
Folio flava sinkas foje
Ĉe lia puŝoĉar' al ter'.

L' aŭtun' ja sojlas, kun nebuloj
Baldaŭaj kaj kun pluv' kaj morn'.
Kaj maronistoj — angululoj —
La polvon viŝas de la forn'.

El la kroata: *Bojidar Vanĉik.*

# Veramanto

– *Jón Dan* –

Kiam mi nun pensas pri tiu stranga homo, mi ĉiam pli kaj pli bone komprenas la kernon de lia karaktero. Lia sorto estis ricevi konstantan hejmon en malliberejo, kaj mi ne scias, ĉu mi rigardu tiun fakton kiel konsekvencan sekvon de lia karaktero, aŭ kiel sangan maljustajon kontraŭ unu el la plej veramaj homoj en la mondo. Kaj la ironio de la tuto estas, ke ĝuste tiu pasia veramo kaŭzis lian malliberiĝon. Do oni vidas, ke amo al la vero, eco, kiun oni ordinare opinias virto, povas esti la kaŭzo de ĝismorta malfeliĉo.

Krimon li faris, tio ne estas kontraŭdirebla. Oni ne povas lin senkulpigi, kaj tio ja ankaŭ ne gravas, kontraŭe mi tute trankvile povas konfesi, ke lia puno estis ege justa. Mi iam aŭdis de iu el liaj amikoj, ke kion ajn oni diras pri li, tamen oni senhezite povas nomi lin brava kaj grandanima homo, ĉar en lasta momento li savis de morto senkulpan homon. Tamen, mi bone konas lin, kaj brava li eble estis, sed ne por savi senkulpulon de morto li agis tiamaniere. Kompato kaj kortuŝeco estis virtoj, kiujn ne grandkvante li posedis; lia pensmaniero estis ofte pli simila al tiu de iu diablo ol al tiu de bona homo, kaj liaj instigoj por agi tiel heroe en la lasta momento estis nur kapra obstino kune kun lia pasia veramo kaj indigno pri la homa stulteco. Virtoj, kiuj en lia persono estis parencaj kiel gefratoj.

Sed mi ne lacigu per antaŭaj klarigoj.

*

Antaŭ nia interkonatiĝo mi jam vidis lin kelkfoje, kaj de tempo al tempo ni iom interparolis. Li estis mia najbaro en mia ferio, kaj tie mi unuafoje konatiĝis kun lia vera karaktero. Tiu unua renkontiĝo okazis sub iom kuriozaj cirkonstancoj. Kaj kvankam mi tion ne sciis tiam, lia tuta naturo sin montris ĉe tiu okazo. Komence mi miris pri la klare videbla indigno, kiu de mia vidpunkto estis senkaŭza, sed poste mi ridetis pri tiu eco, kaj ĉar mi vole-nevole estis al li dankema, ĉar li savis mian vivon, mi iom post iom tute senintence fariĝis ia speco de amiko.

Ce tiu renkontiĝo li savis min el forte fluanta rivero. En gajeco kaŭzita de la bela vetero mi volis transiri ŝaumantan rivereton sur transenŝovita tabulo, por promeni aliflanke en la montaron. Je ĉiu paŝo la malforta tabulo tremis, kaj kvankam la svingiĝado estis eble iom tro forta, mi tion ne atentis pro la kutimeco de tiaj ondiĝadoj. Subite la tabulo falas de la malantaŭa bordo, mi sentas la postan ekstremajon bati la akvonivelon kaj mi aŭdas la plaŭdadon, kaj post unu momento la glacimalvarma akvo ĉirkaŭas min. Kaj per nekredebla rapideco la torenta fluo min alportas al akvofalo pli malsupre en la rivero. Nenion mi povas fari, la fluo malpermesas ĉian naĝadon, kaj ĉiujn miajn fortojn mi devas uzi por nur teni mian kapon super la akvo.

Kiam la fluo tremis min apud la bordon, mi subite sentis lian manon alkroĉiĝi al miaj vestoj, kaj en la venonta momento mi estis sur la seka tero. — Dankon, dankon, mi tremante balbutis, vi vere savis min de la morto.

Sed lia respondo estis tuta parolado preskaŭ.

— Jes, dankon, vi diras, vi kaj homoj similaj al vi. Post kiam vin trafis la akcidento pro propra stulteco, vi diras nur dankon kaj kredas, ke ĉio estis nur katastrofo neevitebla. Feliĉe, mi estis proksime al la akcidentloko en la momento, kiam okazis la katastrofo. Antaŭ kelkaj minutoj ankaŭ mi volis transiri tiun ĉi riveron per la sama tabulo, sed la malsimileco en niaj farmanieroj estis, ke mi atente rigardis la pontaĉon antaŭ ol ĝin uzi. Mi vidis, ke la tabula ekstremajo kuŝas ege proksime al la bordorando, sed ĉar mi ne povis movi la tabulegon sola, mi foriris kaj diris al mi, ke tion ĉiu rimarkos kaj tial la tabulo ne ŝajnis al mi danĝera. Sed mi devus koni la homojn, vi ja estas la pruvo de mia eraro, apenaŭ mi turnis la dorson al la rivero, kiam mi aŭdis la plaŭdadon de via falo. Vi, blindulo.

— Sed bona sinjoro, diris mi, mi ne supozis.

— Jes, vi ne supozis, tiamaniere vi volas vin senkulpigi, kaj anstataŭ ekhavi apopleksion pro honto vi trankviligas vin mem per diversaj banalaj senkulpajoj. Vi kredas, ke vi ĉiam faris ĝuste la ĝustajon, neniam vi eraris, ĉar vi ne estas sufiĉe kleraj por atente observi. Ho, mi havas inklinon bati vin.

— Bonvolu, sinjoro, nur batu. Sed mi rebatos.

Silento.

— Car vi estas mia vivsavinto, ĉu vi ne volas veni hejmen kaj havi tason da kafo, mi diris.

Silento.

— Ĉu vi?

— Eble, dankon, li murmuris.

Kaj ni hejmenvenis, mi tremanta pro malvarmo.

*

Ŝajnis, ke la sorto destinis, ke ni pli bone interkonatiĝu. Post mallonga tempo mi estis invitita al malgranda, privata festeno, kie mi renkontis mian vivsavinton inter la gastoj. Karakterize li estis en varma diskutado kun juna fraŭlino, — tio signifas, estis li, kiu parolis iom kolere, dum la senkulpa, bela fraŭlino tute konsternite aŭskultis lian vortfluon kun timeto en la okuloj. Vole-nevole mi ridis, ĉar ŝajnis al mi tute natura, ke mi lin renkontas en tia situacio. Kiam la fraŭlino aŭdis mian ridadon, ŝi levis la kapon kaj rigardis min, kaj kvazaŭ ŝi min ege bone konus, ŝi nun ridetis, stariĝis kaj venis al mi kun videbla malpeziĝo sur la tuta vizaĝo.

— Ho, vi jam estas ĉi tie, ŝi laŭte diris. Agrable. Pardonu, sinjoro, ŝi diris al mia vivsavinto, mi promesis danci kun tiu sinjoro.

Kaj ni dancis.

Mi sentis ŝian profunde spirantan bruston, ŝia mano iom tremis.

— Pardonu, sinjoro, ŝi ekparolis.

— Ne gravas, mi respondis.

— Vi kompreneble nenion komprenas?

— Kion?

— Mian altrudon al vi?

— Ho, jes, kontraŭe, mi bone komprenas vin. Vi volas liberiĝi de mia amiko.

— Ho, vi estas lia amiko?

— Jes, li savis min de droniĝo.

— Ĉu vi lin bone konas?

— Ne, nur iomete.

— Ĉu li estas freneza?

— Tion mi ne opinias, li nur estas pasia veramanto. Kaj lia malpacienco kaj indigno pri la homa stulteco estas grandaj. Li nome estas supersaĝa.

— Jes, tion mi sentis, diris la fraŭlino kun malfeliĉa mieno. Ni homoj, kaj speciale ni virinoj, ofte diras ion, ne povante ĝin pruvi. Tion mi tiuokaze faris. Mi ja ne pensis, ke li postulos pruvojn pri ĉio. Mi timas, ke mia parolo estis iom nelogika, tamen ne pli ol ordinara parolo homa, oni ja tiom multe diras, kio ne estas destinita por rezonado. Mi diras tion ĉi al vi, ĉar vi rajtas koni la cirkonstancojn, pro kiuj mi trudis min al vi. Alian vojon ĝentilan liberiĝi de li, mi ne vidis. Bonvolu koleriĝi, se mi parolis krude pri via amiko.

— Tiel bona amiko mi ne estas.

— Li estas via vivsavinto, vi devas esti al li dankema. Peza estas via jugo.

— Ne kompatu min, mi lin ankoraŭ ne bone konas, eble li ne ĉiam estas tia. Cetere, mi ne intencas esti pli dankema ol nur necesas.

— Mi ne scias, sed amikino diris al mi, post kiam ŝi min prezentis al via amiko-vivsavinto, ke mi gardu min kontraŭ li. Neniu povas lin toleri, ŝi diris, li estas vera entrudulo, ĉie kaj ĉiam ĝenanta per siaj konstantaj rimarkigoj kaj por ni »nur homoj« terure tedaj korektoj. Malfeliĉe mi ne sekvis ŝian konsilon, jen vi vidas la rezulton, sinjoro.

Kaj kun malgaja mieno ŝi rigardis mian vizaĝon. Subite tamen ŝi ridetis kaj mi vidis ŝiajn blankajn dentojn: — nur via apero savis la vesperon, ŝi diris.

Kaj ni dancis.

## Memore al Helmi Dresen

L'okuloj estis bluaj kaj la harar': arĝento;
rideto ŝia: varmo kaj ŝia kor': el oro;
malkaŝa kaj maltima, sed homa la parolo;
en ŝi pariĝis frate volforto kaj prudento.

Profunde en la koro radikis ŝia sento,
pri si mem modestega, sed arda en fervoro;
senlace, vigle ŝi agis kaj en ripoza horo
sur ŝiaj lipoj ludis la ĝojo de l'silento.

Nobla belec-soifo, strebado altinspira,
laboro por la homoj: viv' ŝia tia estis!
Ho, kiun sendis al ŝi faŝisto venĝospira,

la kuglo, se ĝi scius pri l'bono, kiu nestis
sur fund' de ŝia brusto: kun la mortporta pinto
estus returniĝinta al koro de l'sendinto!

*Ludoviko Tárkony*

Jes, la sorto destinis, ke ni pli bone interkonatiĝu. Kaj iom post iom mi sentis tiun saman senton, kiun priparolis la fraŭlino. De tempo al tempo mi kaŝe deziris, ke ion nepripensitan li faru, por ke mi vidu, ĉu li ekhavos apopleksion. Tamen mi forpelis tiajn pensojn, li ja estas mia amiko, aŭ se ne vere, li tamen savis mian vivon, mi devas esti al li dankema, mi elportu liajn konstantajn rimarkigojn kaŭzitajn de lia veramo. Ĉar la apopleksio certe neniam venos, li ne povas erare agi.

Ĝis tio okazis, kio estis la konsekvenca sekvo de lia karaktero.

*

Iun pluvan aŭtunan vesperon li frapetis sur mia pordo kaj petis permeson enveni. Mi estis iom surprizita, unue ĉar li neniam antaŭe vizitis min en mia hejmo, due kaj speciale, ĉar lia aspekto entute estis tiel konfuza kaj naŭza, ke mi komence apenaŭ rekonis lin. Lia mieno havis sian kutiman malindulgan aspekton, liaj haroj estis en malordo kaj liaj vestoj kaj ŝuoj estis tiel kotaj, ke li postlasis grandajn termakulojn sur la ligna planko. Rapide tiu sento trafulmis mian cerbon, ke fine li faris ion nepripensitan, fine li montris, ke li estas homo kaj ne diablo.

Tute elĉerpita li lasis sin fali en profundan apogseĝon, kaj lia brusto ondis kiel post longa kurado. Mi verŝis kafon en tason kaj prezentis ĝin al li, sed li montris sian indignon per mangestoj, ĝis li kapablis peti pri brando. Ĝin li ekhavis kaj senhezite trinkis, mi replenigis la glason, sed nun li nur de tempo al tempo tuŝis ĝin. Mi estis tute silenta, pri nenio mi demandos lin, mi pensis, se li volas, li povos forlasi tiun ĉi ĉambron sen ia klarigo.

Tiam li ekparolis. Aŭ eble ne parolis, ĉar komence li povis nur elgargari kelkajn nekompreneblajn vortojn. Almenaŭ por mi lia parolo estis nur logogrifo. Li glutis sian buŝakvon, malsekigis siajn kvazaŭ velkintajn lipojn per same seka lango, ĝis li sukcesis igi lin komprenebla:

— Mi krimis, li diris, mi mortigis homon.

Ĉu li estas freneza? — mi pensis.

— Mi jus venas de la krimloko. Mi devis kuri. Neniu suspektos min.

Mi fiksis mian rigardon sur lin. Kial vi diras tion al mi, mi pensis, ĉu vi estas certa, ke mi ne denuncos vian krimon. Sed mi ne malpermesu al vi paroli, ankaŭ mi ne instigu vin, eble

# Aŭtuno

— Karolo Piĉ —

Sur kampoj sternas sin nebula vel';
vespero dronas en duonmalhel';
ĉe kluzo ŝaŭmaj akvoj ploras.

Herbejoj kuŝas sub senvesta nud';
sur ili sonas ventoblova lud';
nenio plu sur ili floras.

Kelkloke sole sur ilia griz',
kiel pecetoj etaj de ĉemiz',
anseroj sin paŝtantaj lumas,

kaj pli malantaŭ ili ĉe salik'
sub kampdeklivo kaj sub lunvezik',
fajretoj de paŝtistoj fumas.

la krimo ekzistas nur en via propra fantazio. Mi estas al vi dankema, do prefere ne diru ion al mi, kio povos igi mian dankemon jugo. Aliflanke vi ankaŭ rajtas malpezigi vian koron aŭ konsciencon, dirante al mi vian agon. Mi estos neŭtrala.

— Permesu, ke mi klarigu min, li diris.

Mi kapjesis. Ĉu mi ion malpermesis? Ne.

— Mi konfesas, ke mi ne devis lin mortigi. Sed se vi konus tiun homon, ankaŭ vi estus lin mortiginta. Li estis netolerebla.

Li faris senesperan geston, skuetis la kapon kaj silentis por ripozi.

— Hodiaŭ vespere mi iris al lia hejmo. Mia intenco ne estis mortigi lin. Tiaj pensoj estas al mi tute fremdaj. Sed li kondutis kiel kutime, malsaĝa kaj mallogika estis lia konduto kiel lia parolo, kaj antaŭ ol mi sciis, mi mortigis lin. Eble malnova malamo pro malĝustaĵo igis min tiel agi. Kiamaniere tio okazis, mi ne scias. Mi kvazaŭ vekiĝis kun la fajrostango en la mano, kaj nenion rememoris. Nun mi tamen memoras. Kvankam mi konsentas, ke mi el mia tuta koro malamis tiun homon, mia ago ne estas farita pro subita kolero kaj tute ne intence. Mi nenion certe scias pri la kaŭzo, mi kvazaŭ dormis.

Jes, vivsavinto mia, mi pensis, vi nenion komprenas, ĉar vi nek komprenas, nek konas vin mem. Viaj vortoj estas tiel veraj, kiel la kaŭzo de via ago estas al mi klara. Ĉu vi ne memoras, ke iam vi diris al mi, ke vi sentis inklinon bati

tiajn stultajn homojn; certe vi pravis, kvankam pri tio vi ne sciis aŭ scias. Nun vi mortbatis homon. Via indigno kaj via kolero pro la mallogikeco de la viro iĝis tiel grandaj, ke vi nesciante plenumis vian deziron. Jen la kaŭzo, nenio mistera.

— Sed neniu min suspektos. Tion mi kredas. Kiam mi ekvekiĝis post la krimo, mi aŭdis paŝojn supre. Mi rapide iris tra la fenestro, sed en la mallumo de la ĝardeno mi vidis viron rampanta al la domo. Li min ne vidis. Post momento mi aŭdis krion interne, la dompordo malfermiĝis kaj mi aŭdis virinon diri, ke viro malaperis tra la fenestro. Du viroj ekkuris, sed baldaŭ mi aŭdis, ke ili trovis la rampantan viron en la ĝardeno. Plu mi ne scias, ĉi tien mi kuris. Ĉu mi vere krimis?

Mi subite ekstaris. — Krimis, mi diris, kompreneble, ĉu vi opinias tion duba?

— Nenion vi komprenas. Kompreneble tio estas duba, mi ja ne estis konscia, kiam mi faris la agon.

— Jes, jes, mi ne memoris tiun fakton.

— Nenion vi memoras, vi estas terure forgesema homo.

*

Kaj la kavalkado de la okazoj pluiris. La gazetoj sciigis al ni, ke oni kaptis la mortiginton. Kaj la proceso komenciĝis.

*

Estis la malfeliĉo de mia vivsavinto, ke li absolute volis iri al la juĝejo. Mi jam sentis la kreskantan indignon en lia menso, kaj mi antaŭvidis, ke lia ĉeesto en la juĝejo povas esti al li danĝera. Sed ŝajnis al mi malprava lin haltigi, kaj kiam mi sciiĝis pri lia intenco, mi proponis akompani lin al la juĝejo por almenaŭ esti tie, se mi povus lin iel helpi.

La proceso jam preskaŭ finĝis. Komence ne nur la publiko, sed ankaŭ la juristoj kaj la juĝistoj nenion komprenis. Sed kiel kutime, ankaŭ nun la leĝistoj eltrovis ian tre komplikan motivon, laŭ kiu la arestito faris sian krimon. La arestito nenion povis pruvi rilate al sia senkulpeco. Li estis tute nekonata individuo, familion li ne havis nek amikojn, kaj ege malfavora estis la fakto, ke antaŭ unu jaro la polico lin kaptis je ŝtelado. Do li estis tre suspektinda persono, sian senkulpecon li ne kapablis pruvi, li estis vidita ĉe la krimloko, li havis nigran pasintecon, jes ege suspektinda homo.

Sed mankis tamen ĉiuj gravaj pruvoj. La juristoj plu kaj plu iris laŭ siaj eltrovitaj, eraraj vojoj. De tempo al tempo ili koliziis kun rokoj sur la vojo, kaj tiam ili staris tute konfuzaj kaj nenion povis klarigi. Tre mistere, ili diris kaj gratis siajn nukojn, sed ĉar ili estis supergeniaj leĝistoj kaj same geniaj pensuloj, ili kreis vojeton ĉirkaŭ la malhelpo kaj daŭrigis la iradon. Sed kiam ili venis el sia memkonstruita labirinto, iliaj vizaĝoj estis iom nubaj, ĉar malgraŭ ilia genieco restis kelkaj ankoraŭ neklarigitaj punktoj, kies solvo estis por ili absoluta enigmo. Supozojn kaj tute ererajn hipotezojn ili faris, ĉiam ili ĉirkaŭis la solvon kaj la veron kiel kato ĉirkaŭas muson, sed neniam ili vidis ĝin. Kaj la konkludo estis, ke verŝajne la akuzito estos juĝata laŭ indikoj.

Kaj venis tiu fatala tago de la juĝo. Mia amiko estis ŝajne tre nerva, kaj voje al la juĝejo, li multe parolis pri la stulteco de advokatoj entute, kaj speciale pri tiu, kiu nun ludis la ĉefrolon en la dramo de li kaŭzita. Neniam li menciis la kruelan sorton de la senkulpulo kaj en mia animo ekkreskis nevole malamo al mia amiko, kiu ŝajne ne posedis homajn sentojn, krom tiuj de obstino kaj veramo, ambaŭ tamen en malsane pasia kvanto, kvazaŭ karikaturitaj.

La juĝejo estis plenŝtopita de scivolaj homoj, kaj nur pro la fervoro de mia amiko ni en la lasta momento sukcesis trovi neokupitan lokon sur la lasta benko de la ĉambrego. La afero tuj komenciĝis, kaj nun la unuan fojon mi vidis la palan vizaĝon de la senkulpa akuzito. Li staris kvazaŭ sciante pri nenio, kaj liaj okuloj havis dorman esprimon, kiu neniam ŝanĝiĝis, eĉ ne kiam la juĝisto direktis al li demandojn gravajn. Okulfrape li estis drinkulo, kaj nun lia cerbo ŝajnis komplete paralizita pro la terura reto, en kiu li senhelpe implikiĝis. Sed sufiĉe strange, tiu kompatindulo havis bonan defendiston, kiu senlace kaj laŭpove senkulpigis la malfeliĉan homon, tamen kompreneble vane, ĉar mankis ĉiuj decidaj pruvoj.

Multfoje dum la vortbatalado inter la advokato kaj la akuzanta juĝisto, mia amiko flustris al mi rimarkojn diversajn pri la diskutado. Lia indigno estis granda, kaj ju pli la afero proksimiĝis al sia fino kaj ju pli certaj la tute eraraj hipotezoj ŝajnis al la leĝistoj, des pli rapide kreskis la kolero de mia vivsavinto. Lia flustrado, komence mallaŭta kaj direktita nur al mia orelo,

iĝis nun pli brua kaj kvazaŭ ne plu destinita por mi, sed por la tuta aŭskultantaro. La homoj sin turnis sur la benkoj por rigardi tiun malĝentilan viron, kaj mi sidis kvazaŭ sur pingloj pro nerva timo, ke ion pri si denunciantan li flustros en la varmo de sia kolero. Li ŝajnis kvazaŭ vulkano kun brulanta, fluida interno, li ne plu povis sin reteni kvietе sur la benko, de tempo al tempo li saltetis kaj frapis ĉirkaŭen, li sin tute forgesis kaj tenis sin kiel frenezulo, nur mankis la erupcio.

Kaj la erupcio venis. Neniam dum mia vivo mi forgesos tiun momenton. Mi jus metis mian manon sur lian brakon por lin iom kvietigi, kiam per malpacienca movo li sin liberigis, ekstaris kaj per antaŭenstreĉita mano laŭte kriis: — Vi stultuloj. — Neeble estas forgesi tiun palan vizaĝon kaj la fulmantajn okulojn en la mallumo de la lasta benko, kiam li tondris la du vortojn per laŭta, raŭka voĉo. La aŭskultantoj sin turnis, kontraŭ sendanĝeraj haraj aŭ kalvaj nukoj mi nun vidis centojn da minacantaj iom surprizitaj vizaĝoj. Tio estis netolerebla, kaj dank' al Dio la juĝisto nun kriis: — Silentigu!

Sed nun mia amiko kvazaŭ eksplodis. Li trapuŝis sin tra la homamaso, kaj preskaŭ kurante li atingis la tribunalon.

— Jes, min vi volas silentigi, vi stultuloj, min, kiu scias pli ol vi ĉiuj. Vi rampas sur via erara vojo, kaj en vian cerbon ne penetras eĉ la plej malgranda dubo pri tio, ke ĉio ĉi estas nur granda malpravaĵo. Blindaj estas viaj okuloj kaj nubĉirkaŭataj viaj cerboj, ke vi ne vidas la veron. Vi preskaŭ palpas la esencon, la kernon de la afero, sed por senti la tuŝon vi ne havas inteligenton sufiĉan. Kaj min vi volas silentigi, min, la homon, kiu scias.

Kaj kun terura akurateco, detalo post detalo, li rulis la okazintaĵojn antaŭ iliaj okuloj. La kompatinda akuzito kvazaŭ ekviviĝis, komence li nenion komprenis, sed kiam mia amiko priskribis, kio vere okazis, li kvazaŭ elpensis la pulvon kaj rideto lumigis lian sulketan vizaĝon.

Kiam mi hejmenvenis, mi havis senton de miriga malpeziĝo, nun mia konscienco estis pura.

Mia amiko ekhavis dudek-jaran malliberiĝon. Li estis la viktimo de sia pasia veramo, de sia obstino kaj de sia malpacienca indigno pri la homaj mankoj. Li ne toleris, ke la homoj erare opiniu, tio estis lia malfeliĉo.

# Ŝalo kaj Pipro

## MEDITADO

Dr. Pumpr

**super la prospekto pri reapero de la Literatura Mondo**

«Bonan esperon, karaj homoj!»
salute vokas Kalocsay
(«Bonan esperon» vokas kaj —
skribas pri bomboj kaj atomoj).

«Ne staru orfe», krias Baghy,
«sed venu kunen! Jen revu'
por reciproka rendevu'.
Bonvolu ĝin nur abonpagi!»

Kaj Tárkony eĉ promesas al ni
vivon sen morto kaj sen ĉes'...
Bona negoc' por eta prez':
Sufiĉas la gazeton garni.

Szilágyi skribas pri biciklo
kaj pri tunelo en Stokholm...
Do ek, poetoj, el rok-dorm'!
Tuj kuru por Parnas-gvidlibro.

(Ankoraŭ estas ĝi havebla.
Al ĝi kovril' ja mankas jam,
sed la enhav' kaj ĝia fam'
ĝi ne malestas pli malfebla!)

Sur ritmo-reloj sapo-glitaj
sen stumblo ŝvebi, jen neces'.
Rapide fosu el forges'
normojn pri rimoj apogitaj!

La lingvon vestu ni modveste
kaj kun gracia elegant'.
Sed, por pli plaĉi al legant;
novaĵojn uzu pli modeste!

Kaj dum vi verkos kaj verkegos
por ke gloriĝu via nom',
eble troviĝos iam hom',
kiu eĉ viajn versojn legos.

Jam flugu la kurad' konkura!
Ĝin firme tenos laŭ direkt'
la lertaj viroj de l' Prospekt'.
Bonŝancon al vi! Hip-hip-hura!

Bonŝancon, Verda Idiomo!
prosperu, kresku, floru eĉ
post la naŭjara tempo-breĉ'!
Bonan esperon, kara LoMo!

# Samsono kaj Delilah

— *BÉLA ILLÉS* —

1.

Kvin tagojn mi servis jam en la armeo de la filiŝtoj. Ĉiun tagon plurfoje ni luktis sangajn batalojn kontraŭ la judaj taĉmentoj. Dum la interbatalaj liberaj duonhoroj nia malgranda grupo (kelkaj judoj kaj filiŝtoj) kolektiĝis en la ombro de egipta sfinkso. Ni legis la estetikon de Hegel.

Filiŝta soldato salajris trimil aŭstrajn kronojn tage. La judoj ricevis saman soldon. La judaj batalantoj opiniis, ke ili meritus pli. Ili ja surhavis barbojn, kaj dum ni, filiŝtoj, jam atendis ĉe la tramvoja haltejo, ilin ankoraŭ okupis la delavo de la barborestajoj.

Post kvartaga hezitado la judoj sendis deputacion al la ĉefreĝisoro kaj postulis barbokompenson. La ĉefreĝisoro pacience aŭskultis ilin.

— Kinostatisto estas kinostatisto — li respondis. — Mi ne akceptas diferencon inter judoj kaj filiŝtoj. Mi estas demokrato.

— Ĉe la filmfabriko Saŝa tiuj vikingoj, kiuj saltas en la maron, ricevas ducent kronojn pli ol tiuj, kiuj ilin pelas kaj ne devas salti en la akvon.

— Tiu estas la afero de la Saŝa, sed se vin interesas mia opinio: mi estas konvinkiĝinta, ke la Saŝa agas idiote. La ekstra premio rezultigos, ke multe pli multaj saltos en la akvon, ol bezonus la sukceso de la filmo.

Ĉi-maniere la movado de la judoj restis sensukcesa. Sed la trimil kronoj valoris ja pli malmulte de tago al tago, eĉ de horo al horo. En Aŭstrio furiozis la inflacio kaj kilogramo da pano, kiu hieraŭ kostis 1800 kronojn, hodiaŭ estis aĉetebla nur por 2700 kronoj. La prezo de tramvojbileto saltis de 370 kronoj al 480.

Tiu filiŝta taĉmento, en kiu mi dejoris, estis komandita por la gardo de Delilah. Ni ne estis tre okupitaj. Pli ol sufiĉan tempon do ni havis por prepari tian salajraltigan movadon, en kiu judoj kaj filiŝtoj batalas komune. La filmstatistoj ne tre taŭgas je tiaj agadoj. Tiutempe Vieno estis la renkontejo de senhavaj vagabondoj el tuta Eŭropo. El la plej profunda koto de tiuj vagabondoj varbiĝis la judaj kaj filiŝtaj batalantoj.

Tre surprize tamen, niaj armeokamaradoj volonte partoprenis en la salajrobatalo, nur pri tio oni diskutis, ĉu en la strikestraro estu pli da italoj ol poloj. Tamen iel ni interkonsentis. La pritraktoj estis mallongaj, ĉar la membroj de la gvidantaro ne tre komprenis la lingvon unu de la alia. Ni faris la kontrakton post sanga batalo, malantaŭ la jam konata sfinkso. La gvidanto de la movado estis juda ĉefpastro, liaj anstataŭantoj: filiŝta soldato kaj filiŝta ministro.

Favoris nin la sorto. La sekvan tagon oni fotografis tiel nomatan «monstra sceno». La ĉefreĝisoro aranĝis la 800 statistojn tiel, ke la rigardantoj vidu almenaŭ dudekmil. La situacio estis la jena: ni filiŝtoj arestas Samsonon, kiu (dank' al Delilah) estis kalva kiel bilardkuglo. La judojn, kiuj alkuras helpi la kaptitan Samsonon — ni disbatas. Samsono staras katenita inter ni. Ĉirkaŭe kuŝas miloj da judaj kadavroj. Kaj nun el post la sfinkso antaŭenpaŝas Delilah, kiun akompanas filiŝtaj militistoj. Delilah ludas per pavoplumo. Ŝia vizaĝo brilas de feliĉo kaj fiero.

Kvin-sesfoje ni provis la «monstran sceno»-n. Ĉio ruliĝis kiel rado.

— Atenton! Fotografado! — kriis tra megafono la reĝisoro.

— Jen! Komencu!

Do ni atakis kaj arestis Samsonon, mortigis kelkmilojn da judoj. La kadavroj kuŝis ĉe niaj piedoj kaj dum la fotografistoj fervore laboris, el post la sfinkso antaŭenpaŝis Delilah.

— Pli malrapide! Pli majeste! — kriis al Delilah la reĝisoro. Kaj Delilah ridetis: fiere kaj majeste.

En tiu momento ni (venkintaj filiŝtoj) levis al la ĉielo niajn lancojn kaj ŝildojn staniolornamitajn kaj ekkriegis:

— Por malpli ol 5.600 kronoj ni ne ludas!

Je nia stentora kriado saltleviĝis la mortintaj judoj kaj ankaŭ ili komencis krie protesti:

— Por malpli ol 5.600 kronoj ni ne ludas!

Delilah svenis. La reĝisoro blasfemis furioze. La fotografistoj ĉesigis la laboron kaj provis kaŝi, ke al ili plaĉas la sceno.

— Aĉaj friponoj, kanajloj! Vi fuŝis la filmon — kriegis la reĝisoro.

— Por malpli ol 5.600 kronoj ni ne ludas!

— Via brutaleco mortigas Delilah-n!

— Por malpli ol 5.600 kronoj ni ne ludas!

Kiam la reĝisoro kriis sin raŭka, komenciĝis la pritraktado. Post duonhoro ni interkonsentis. La reĝisoro plenumis niajn postulojn.

# LA LAGO

— Lamartine —

Tiel puŝataj plue al bordo ĉiam nova
Tra la eterna nokto, en senreturna vago,
Ĉu en la oceano de l' tempo ni ne povas
Ankri por sola tago?

Ho lag', apenaŭ finis la jaro vojon sian,
Kaj jen, ĉe l' karaj ondoj, kiujn ŝi devus vidi,
Mi venis sidi sola sur ŝtono, kie iam
Vi vidis ŝin eksidi.

Sub ĉi profundaj rokoj vi muĝis tute same,
Kaj same vi rompiĝis ĉe l' bordoj deŝirataj,
La vento same ĵetis al ŝi la ŝaŭmon ame
Al piedoj adorataj.

Vesperon, vi memoras? silente ni glitadis;
Aŭdeblis sur la akvo kaj sub la ĉiel-rondoj
Nur bruo de l' remiloj, kiuj en ritmo batis
Sur harmoniaj ondoj.

Subite diro, kian la ter' neniam konis,
Ekfrapis zuman eĥon de la ĉarmitaj bordoj,
La akvo ekatentis, kaj, kara al mi, sonis
La voĉ' per jenaj vortoj:

»Haltigu flugon, tempo! Haltigu viajn kurojn,
Favoraj horoj benaj!
Ho lasu nin gustumi la flugajn kor-plezurojn
De l' tagoj plej serenaj!

Tiom da malfeliĉaj pripetas vin, plorantaj,
Por ili urĝu rulojn,
Prenu iliajn tagojn kun zorgoj devorantaj,
Forgesu feliĉulojn!

Sed vane mi petegas eĉ pri momento plua,
La fuĝa temp' eskapos.
Mi diras al ĉi nokto: »Pli lante!« Kaj ĝin blua
Aŭroro jam disfrapos.

Ni amu do, ni amu! Plezuru nia kor' do
Haste, dum tempo lasas!
Hom' estas sen haveno, la temp' estas sen bordo,
Ĝi fluas kaj ni pasas!«

Jaluza temp', ĉu eblas, ke ĉi ebri-momentoj,
Kiam sin verŝis vaste al ni feliĉo ama,
Forflugos de ni, kiel la tagoj de turmentoj,
Kun rapideco sama?

Ĉu ni ne povas fiksi almenaŭ nur la spuron?
Pasintaj por eterne, ĉu ili tute dronos?
La tempo, kiu donis kaj rabis ĉi plezuron,
Neniam ĝin redonos?

Etern', pase', nenio, abismoj morn-malhelaj,
Kion vi el la tagoj faras, kiujn vi glutis?
Diru, ĉu vi redonos ekstazojn la ĉielajn,
Kiujn vi rave ŝutis?

Ho lago! rokoj mutaj! grotoj! arbar' obskura,
Sur kiujn rejunige verŝas la temp' favoron,
Gardu, naturo bela, gardu pri l' nokto kura
Almenaŭ la memoron!

Troviĝu ĝi en viaj ripozoj kaj tempestoj,
Ho bela lago, kaj en ridetaj viaj montoj,
En viaj nigraj pinoj, sovaĝaj rokokrestoj
Pendantaj super l' ondoj!

En la zefiro, kiu tremas kaj svenas pase,
En bru' de viaj bordoj, de l' bordoj ripetata,
En arĝent-frunta astro, per kiu vin surface
Blankigas brilo flata!

La vento, kiu ĝemas, la kan', kiu suspiras,
Parfumoj flirtaj, kiuj ĉirkaŭe vin balzamis,
Kaj ĉio, kion oni ekaŭdas, vidas, spiras,
Anoncu: »Ili amis!«

El la franca: *Juliette Vatré-Baudin* †

---

2.

La sekvan tagon la tramoj ne trafikis. En la urbo cirkulis famoj pri tio, ke Wiener Neustadt strikas.

Mi — kun kelkaj filiŝtoj kaj judoj — piedmarŝis pli ol unu horon kaj duonon por alveni la lokon de la filmfotografado. Dumvoje ni babilis pri tio, kian premion ni postulos por ĉi tiu longa piedirado.

Alveninte la barakaron, rapide ni nin transvestis, kuntreninte niajn filiŝtajn mantelojn kaj pompajn arĝentajn kaskojn. Poste ni rapidis al

# DISKUTO

## Sur nova vojo
### (Propono pri Kultura Akademio)

— F. Szilágyi —

La novaj bezonoj de nia epoko ĵetis novan ideon en la ekonomian kaj socian vivon: la planmastrumadon. Ĝia celo estas bridi la ekscesojn de la libera konkurso, en si mem ĝi ne estas celo, nur rimedo. Ofte okazis, okazas kaj okazos, ke la ardo de la bataloj rimedoj transformiĝas je celoj, kaj atinginte fine la rimedon, oni konstatas, ke la vera celo ŝvebas fore en la malproksimo de incitema miraĝo.

Io tia okazis plurfoje ankaŭ pri Esperanto. Ankaŭ Esperanto estas rimedo, kies tian naturon jam Zamenhof vidis klare. Ĝia celo estas la plifaciligo de la homa kompreno por la ideo, kiun ĝia aŭtoro nomis »homaranismo«. Per la lingvo oni devas klopodi al tiu stato de la homoj, de kiu ĝi tiel malesperiĝe foriĝis; kio iĝis el la komence perfekta kaj bela homaro?

Popolo popolon atakas kruele,
Frat' fraton atakas ŝakale...

Reen do al la ideala stato, kies trajtoj tiel klare aperas en la biblia legendo pri la paradizo, aŭ en la filozofio de la stoikuloj, aŭ en la »Kontrakto Socia« de Rousseau, kiu esence diferencas de la Biblio nur en tiu senco, ke ĉe li ne la serpento tentas la origine perfektajn homojn al la kulpo, sed la konatiĝo kun la privata posedaĵo. Tiu fundamenta penso aperis ankaŭ ĉe la unuaj pioniroj de la socialismo. Kaj la sama penso kaptis nian Majstron.

Nia celo estas klara, kvankam nia vojo ne estas tiel rekta, kiel Zamenhof volis kaj prikantis ĝin. Nia vojo estas plenŝutita de ruboj, arbustoj kaj ruinoj kaj dum la lastaj jardekoj ofte ni devis erarvagi en la densa mallumo, en kies sufoka kirliĝo apenaŭ ni povis trovi la precizan lokon de la briletanta stelo. Nun ni kredas, ke ni atingis ion kaj ni scias, ke ni estas trans grandaj turmentoj de la homaro, sed ni ne venkis kaj ne venkos la teruron, se ni ne konscias pri tio: ne nur tiuj pekis kontraŭ la homaro, kies iniciaton kaj kies malicon la mondo mencias kun abomeno, sed ankaŭ ni, kiuj estis konfortemaj, lacaj, inertaj kaj rezignemaj. Se ni ne sentos nian multekoste lernitan respondecon, se ni estos ankaŭ estonte inertaj, miopaj, stultaj, nin atingos nova

---

la fotografeja korto. La pordego de la korto estis fermita. Sur la pordego anonco. Ĉirkaŭ tridek el ni estis eksigitaj el la laboro.

Per niaj lancoj ni komencis frapadi la pordon, je kio aperis la reĝisoro sur la bastiono. En lia mano megafono. Tra la megafono li direktis al ni la sekvantan paroladon, pli ĝuste al tiuj statistoj, kiuj ne estis eksigitaj el la laboro.

— Atentu! — tiel la reĝisoro. — La direktoraro de nia entrepreno sciiĝis kun granda indigniĝo, ke vi fuŝis nian hieraŭan fotografadon. Je mia peto la direktoraro rezignis tiun planon, ke ili postulu de vi la prezon de la fuŝita filmo. Samtempe mi ricevis instrukcion, ke neniel mi pagu pli ol 3.000 kronojn al filmstatisto. Kiu emas labori por ĉi tiu sumo — tiun ni akceptas volonte. Kiu ne estas kontenta — tiu povas iri. Tiujn, kiuj provokis la hieraŭan skandalon, mi eksigis el la laboro.

Mi jam menciis, el kiaj elementoj konsistis tiutempe la armeo de la filmstatistoj. Do ne necesas akcenti, ke la granda plimulto akceptis la kondiĉojn de la reĝisoro. Ni, eksigitaj — iom ankoraŭ bruadis, poste ni volis nin transvesti en niajn ĉiutagajn, burĝajn vestaĵojn. Sed kiel evidentiĝis, la vestejo estis fermita kaj la ŝlosilon enpoŝigis la anstataŭanto de la ĉefreĝisoro. La fripono ne lasis malfermi la vestejon: ni ĝis atendu tiujn, kiuj laboras.

Kion fari? Ni retiriĝis en arbareton — kelkcent paŝojn de la filmurbo. Tie ekkuŝinte ni legis la Estetikon de Hegel. Sed ne longe.

En la vasta kampo trans la arbetaro, aperis malgranda trupo: laborista junularo. Kiel ni, ankaŭ ili legis. Evidente ili estis senlaboruloj, kiuj pro manko de pli satiga nutraĵo, sin turnis al la scienco. Kelkfoje alportis la vento la nomon de Marx. Post ne longe nin tedis aŭskulti la jun-

kaj multe pli terura katastrofo. Ni ne plu disigu nian vojon laŭ la vojetoj de la individua plaĉo kaj kaprico, sed ni nun fine faru la rektan, difinitan vojon.

Ni scias, kion ni devas fari. Ni scias, ke ni devas plekti nian verdan fadenon en la harmonian teksaĵon de la homa kulturo. Vera kulturo! Tiu kulturo mem estas realigota, pri ĝia neceso neniu dubas. Tion, kion ni faris, ni ne taksu tro malalta, sed ankaŭ ne tro alta; ni atingis rezultojn, sed certe ne decidajn kaj ne maksimumajn. Ni iris dise, ĉiu laŭ sia zigzaga vojeto, ni haltis senbezone. Tio rilatas niajn klopodojn en la Esp.-movado, sed same la ĝeneralan staton de la kulturo.

La movado de Zamenhof dispartiĝas nuntempe je multaj organizoj, ni havas amasojn de koloroj en nia spektro, sed ili estas certe unuigeblaj en kelkaj rilatoj. En unu rilato ni solvis jam la problemon. Por la lingvo mem ni havas nian faktoron: la Lingvan Komitaton kun sia pintorganizo, t. e. la Lingva Akademio. Sed ni estas forte sub la influo de la brutalaj instruoj, kiujn la sanga faŝismo kaj ĝia monstra ido, la Mondmilito batis en niajn kapojn kaj nun ni devas scii pli bone nian lecionon. Ni lernis, aŭ almenaŭ devis lerni, ke la vivo estas komplika io, ĝi ne konsistas nur el bono kaj el malbono, la homaro ne nur el bonuloj kaj maliculoj, nia vivo ne estas difinita nur de du eblaĵoj, sed estas tre multe da faktoroj, kiuj donas al ĝi direkton. La postmilitaj tempoj postulas kun la ardo de la nepra bezono, ke ni serĉu la kunlaboron inter ĉiuj, kies klopodoj kaj celoj estas harmoniigeblaj, kaj ke el ĉiuj klopodoj kaj tendencoj ni faru ekstrakton por la plej alta celo: por la atingo de la plej inda homa libereco, al la egala distribuo de la homa kulturo kaj al la frateco certiganta la senangoran vivon. Por tio ni bezonas la klopodojn de ĉiuj esperantistoj, kiuj estas nomeblaj esperantistoj, *ni devas ja unuavice kompreni nin mem* kaj se ni konsideras niajn movadajn organizojn, kiel fakajn kun eble diferencaj, ofte eĉ kontraŭaj interesoj en diversaj kampoj, ni devas tamen nepre scii, ke en iu rilato ankoraŭ ni povas fari pluan paŝon, ĉar en tiu rilato oni povas unuigi la diversajn sekciojn de la esperantismo. Kaj tio estas la kulturo. Kulturo ja povas esti influata de la taga politiko, sed ekzistas ideala kulturo, kiu estas sendependa de tio, ekzistas scienco, arto, literaturo, tekniko, kies klopodoj estas komunaj en ĉiuj teritorioj de la terglobo kaj tiuj komunaj klopodoj povus esti la kerno de nova Esperanta organizo apud kaj super la ĝisnunaj. Ni bezonas ne nur Lingvan Komitaton kaj Lingvan Akademion, sed ni bezonas laŭ la vera bezono de nia movado, tute en la zamenhofa spirito ankaŭ Kulturan Komitaton kaj Kulturan Akademion.

La nuna skizo de tiu ĉi ideo estas eble iom

---

laboristojn, eĉ ni estus forgesintaj ilin, se kanto ne estus revokinta nian atenton. Kiel tio povas esti ebla? Ĉu tion kantas laboristoj?

Prinz Eugen, der edle Ritter
Wollt dem Kaiser wiederkriegen...

Proksimume okdek studentoj, kun elegantaj hokokrucoj en la butontruoj, aperis sur la kampo. Post kelkaj minutoj la junlaboristoj jam rifuĝis antaŭ la pliforto. Laboristknabo restis en la manoj de la hokokrucanoj. Ili batis lin sanga.

— Ĉu ni toleras? Ni dispelu ilin!

— Per kio? — demandis singardema ĉefpastro.

— Per lanco! Per ŝildo!

— Per paperŝildo kaj lignolanco?

— Venu! Venu!

Dum momento judaj kaj filiŝtaj militistoj kolektiĝis en komuna taĉmento, interprenante kelkajn judajn pastrojn kaj filiŝtajn princojn.

— Trupo preta? Antaŭen! Antaŭen!

— Antaŭen! Antaŭen!

La sunbrilo oris niajn paperkaskojn, lignolancojn. Niaj antaŭtukoj flirtis, kiel sangaj militflagoj. Sub niaj lignoplandaj sandaloj tondris la tero.

— Antaŭen! Antaŭen! Antaŭen!

La hokokrucanoj, kiam neatendite ni aperis, rigardis nin konsternite. Ili ne estis certaj, ĉu ili mem freneziĝis aŭ alsturmas ilin la frenezulejo. Post minuto ni regis la kampon. La hokokrucanoj, postlasinte ĉiujn siajn havaĵojn, diskuris.

— Ni venkis! — hurlis filiŝto.

— Portu la diablo ĉi tiun stultan vivon! — sakris juda pastro. Trans la muroj niaj kamaradoj ricevas trimil kronojn por tio, ke ili ludas militon. Kaj ĉi tie ni aranĝis efektivan militon — senpage.

El la hungara: *Irena Horváth.*

# LINGVO

## Radika transitiveco

S-ro Nylén en sia riproĉ-artikolo kontraŭ la prezidanto de la Akademio rifuzas inter aliaj la transitivecon al la radiko *nask*. Li diris, ke radiko havas nenian memstaran sencon, do ankaŭ la transitivan signifon ĝi ne povas enteni.

Por pruvo li mencias la vorton *Kristnasko*, kiu klare montras, ke *nasko* povas havi la signifon de *naskiĝo*, do nask *povas* naski vorton kun netransitiva senco.

Ni rigardu iom ĉi tiun demandon.

*Nask* kaj *brul* estas verbaj radikoj.

*Naski* estas transitiva, *bruli* estas netransitiva verbo.

Kion ni aldonis ĉi tie al tiuj du radikoj? Nenion krom la i-finaĵo. Jes, nenion krom la sama i-finaĵo.

Se tiu i-finaĵo havus transitivigan sencon, ĝi devus same transitivigi la radikon *brul*, kiel la radikon *nask*.

Tamen, transitiva estas sole *naski*. El tio sekvas, nepre kaj nerefuteble, ke la i-finaĵo, el la vidpunkto de la transitiveco, estas indiferenta. Do, se *naski* tamen estas transitiva kaj *bruli* netransitiva, la kaŭzo de tiu transitiveco aŭ netransitiveco devas esti kaj povas esti sole la karaktero de la radiko mem.

Kiel estas tamen eble, ke en *Kristnasko* la radiko *nask* havas sencon netransitivan?

Neniel! Tio estas eraro!

En *Kristnasko* ni havas ne sencon netransitivan, sed sencon *pasivan*. Nome, la verbosubstantivoj unuigas en si la aktivan sencon (kiam ili havas subjektan suplementon: *skribo de infano)* kaj la pasivan sencon (kiam ili havas objektan suplementon: *skribo de letero.)* Tio estas plene logika, ĉar ĉe la DE-suplemento temas simple pri aparteno, kaj ago apartenas same al tiu, kiu ĝin faras, kiel al tiu, kiu ĝin suferas, ricevas. Ĉe *Kristnasko* do ni havas sintezan formon de objekta suplemento (nasko de Kristo).

Ne temas do pri senco netransitiva, sed pri pasiva.

Tiu diferenco ne estas nur teoria! Ĉar ja, se per la o-finaĵo la transitiva karaktero povus ŝanĝiĝi, evidente ankaŭ netransitivaj radikoj ŝanĝiĝus per ĝi al transitivaj!

---

telegramstila, sed diskuto kaj plua pripenso povus doni al ĝi tute konkretan formon. La modelo de tia kultura organizo povus esti parte la Lingva Komitato kun la Akademio, parte la delegita servo de la movado. La kultur-delegitoj estus la korespondantoj de la institucio, kies decidrajto apartenus al la Akademio. La korespondantoj de la organizo observadus la diverslandajn kulturajn fakojn (en la sama lando povus funkcii pluraj tiaj) kaj fine de la kalendara jaro ili raportus pri la kulturaj okazaĵoj, pri la plej gravaj rezultoj de la diversaj fakoj, ili agus ankaŭ dum la jaro tiel, ke la plej utila ŝanĝo de kulturproduktoj okazu en la spirito de Esperanto, t. e. sen la plej eta flankpenso de imperialismo. Estas klare, ke la agadkampo de la korespondantoj estus granda kaj vastigebla. La Akademio (t. e. Kultura Akademio) konsistus el pli da membroj ol la Lingva Akademio, sed la nombro de ĝia membraro laŭeble ne rajtus superi la nombron de 50; kompreneble la estraro de la Akademio devus prizorgi la distribuon kaj centrigon de la laboro. La ĉefa funkcio de la Akademio estus la eldono de valora jarlibro — kultura jarlibro, kiu parte enhavus ĝeneralinteresan literaturon, elektitan el la materialo veninta de la korespondantoj, t. e. tradukojn kaj pritraktojn de kulturaj gravaĵoj, i. a. ankaŭ beletristikaĵojn, kaj la alia kaj certe tre grava parto de tiu jarlibro estus la notoj kaj sistemigitaj klarigoj pri la fenomenoj kaj rezultoj de la kulturagado en la diversaj partoj de la terglobo. La akademio devus prepari ankaŭ la eblaĵojn de vere internacia kaj sendependa kultura enciklopedio, samtempe ĝi devus serĉi la eblaĵojn perfektigi la internacian enciklopedian laboron. La kultura jarlibro devus atingi ĉiujn movadanojn. Ĝia eldonnombro per tio estus tiel granda, ke ĝia prezo estu malalta. La kotizoj per tio iom altiĝus, sed oni ricevus kiel kontraŭvaloron ion altetaksindan, ĝuindan, kaj utilan. Samtempe mem la laboro de KK kaj la jarlibro donus gravecon kaj direktadon de nia kulturlaboro kaj servus al la propagando en eksteraj rondoj. La jarlibro mem iom poste ne nur repagus la elspezojn de la korespondantoj, sed ĝi ebligus ankaŭ honorariojn, eĉ salajrojn al la oficantoj. Sed por tio oni certe bezonos iom da tempo. La fakto, ke la movado aŭtomate donus ion tute pozitivan al ĉiu sia membro, certe altigus la nombron de organizitaj esperantistoj.

La argumento kontraŭ tia organizo estas la granda »se«: ĉu ĝi ne laboros tro diletante, sed tio ja povas okazi ĉe ĉiu entrepreno kaj laŭ la esperoj ni povus trovi tre valorajn fortojn en nia movado por bonege prizorgi la supremenciitajn taskojn. Kontraŭ la jarlibro oni povas nur havi tian skrupulon, kiun oni havas ĉe kutima libroeldono.

La aŭtoro volonte eniĝus diskuton pri tiu ĉi afero.

Sed tio neniam okazas! *Brulo* ekzemple neniam povas havi la sencon de *bruligo*.

Mi kredas, ke post la supraj klarigoj estas evidente, ke

1. La verbaj radikoj enhavas karakteron de transitiveco aŭ netransitiveco.

2. La transitivaj verbradikoj, en sia o-finaĵa formo, povas ŝajnigi, per sia pasiva senco, sencon netransitivan.

3. La netransitivaj verbradikoj, male, neniam povas havi transitivan sencon en sia o-finaĵa formo, ĝuste pro tio, ke ilia netransitiveco ne povas ŝanĝiĝi, kaj mankas tia ŝajniga rimedo, kia estas la pasiviĝo ĉe la transitivaj verboj.

*Alex Kay*

---

## IO-UJO

Samideano *Butler* pardonu nin, ke ni publikigas tie ĉi parton el lia letero, por povi ĝin respondi publike. Li skribas:

«Mi ne komprenas, kiel oni povas diri, ke aliigo de la Fundamenta *-ujo* al *-io* ne estas ŝanĝo. Ĉar ŝanĝo ĝi tre certe estas. Al mi ŝajnas, ke uzo de formoj nepre malrekomenditaj de la Lingva Komitato kaj Zamenhof estas afero tre danĝera, kaj nelojala. *Neniam mi volus aĉeti aŭ subteni verkon, en kiu oni uzas tiajn formojn*, sen averto, ke ili ne estas fidindaj. En tio mi nur sekvas la decidon de la Esperantista Gazetaro, kiun subskribis The British Esperantist. Ne temas pri neologismo, sed pri defio al la klare esprimita opinio de la L. K., kaj pri ŝanĝo en la Fundamento.

Cetere, tio enkondukas ĥaoson en la lingvon.

Aŭ -io estas sufikso, aŭ ne.

Se -io estas sufikso, tio estas ŝanĝo en la Fundamento, kiu diras -ujo. Kaj ĝi estas atenco kontraŭ la aglutina karaktero de la lingvo, ĉar en Esperanto ĉiu afikso estas vorto sendependa *(et* ekz-e povas esti uzata kiel prefikso aŭ kiel sufikso aŭ sendepende). Sed *io* jam havas alian signifon. Kaj enkonduki sufikson unuliteran «I» estas kontraŭ la spirito de la lingvo. Cetere, jam estas multe tro multe da vortoj kun la malfeliĉa finaĵo -io, kiu prezentas por ĉiu lernanto gravan malfeliĉon ĉe la akcentado; ĉe ni, almenaŭ. Kiom malfacile oni povas instrui al komencanto akcenti *nenIo, opinIo, historIo*, Kaj ItalIo estus egale malfacila kaj neinternacia. Jen kial Ido enkondukis neregulaĵon en sia akcentado: ke «i» antaŭ vokalo estas konsonanto! La konstanta -io estas almenaŭ por mi tre malbelsona. Sed tio estas afero malgrava. Cetere, ekzistas multege da vortoj kun -io, ĉe kiuj oni povas demandi, ĉu «i» estas sufikso. Ĉu geografio estas lando de la geografoj? Kaj tiam komencas formiĝi pli vasta difino de «i», kiu devus signifi ne nur «lando», sed ankaŭ «scienco, arto, kampo»... Kaj senfina nombro da ŝaradeblaĵoj kaj malprecizaĵoj.

Sed aliflanke, se -io *ne* estas sufikso, sed nur parto de nova radiko, tiam oni enkondukas en la lingvon grandan nombron da novaj radikoj. Apud Anglo oni devus lerni Anglio (kiu vorto tamen en la angla lingvo NE signifas England); apud Dano oni devas lerni Danio. Granda komplikaĵo de la lingvo per amaso da novaj landnomoj. Kaj tiam oni staras antaŭ la demando, ĉu, edziĝante kun Dana virino, oni havas, kiel edzinon, *Daninon* (laŭ Esperanto kaj Zamenhof) aŭ *Danianinon* (terura vorto!) Kaj konstante oni demandas al si: ĉu la adjektivo uzenda estas *Dana* aŭ *Dania* (ĉiama ĥaoso ĉe la ioanoj). Kaj oni devas memori, ke el la radiko Bolivio oni devas formi la vorton *Boliviano* (ne Bolivo), sed el *Bulgario* oni formas la vorton *Bulgaro* (ne *Bulgariano*). Senfina komplikaĵo kaj ĥaoso, ĉe afero tute klara kaj simpla kaj regula ĉe la Zamenhofa sistemo.

Cetere, ĉiam devas resti uzeblaj la Fundamentaj formoj kun -ujo. Kaj nun la Esperanta movado dividiĝas en du kampojn, kaj oni povas distingi per la parolo, ĉu la alparolato apartenas aŭ ne apartenas al komunista aŭ maldekstra politiko; perdiĝas la sento pri samideaneco. Baldaŭ ni havos katolikan Esperanton kaj vegetaran Esperanton. Estas vero diri, ke nenio en la mondo tiom senkuraĝigis min kaj «dampis» mian entuziasmon por Esperanto, kiom tiuj formoj, kiuj estas por mi tre malagrablaj, kaj kun kiuj mi havas nenian rilaton. Tuj mi sentas: «Tio ne estas la Esperanto, por kiu mi batalis kaj laboris; ĝi estas io fremda, kontraŭbatalenda, danĝero por la afero.» Ĉar farinte unu ŝanĝon, oni povas tre bone fari pluajn. Nenio detruos nian lingvon, se ni mem restos fidelaj. Sed se ni disfendos nian propran movadon, nenio povas nin savi. Estas afero de principo.

Mi tre ĝojis, vidante, ke oni proponas reeldoni L. M. Leginte multon en la antaŭaj numeroj en la lasta tempo, mi denove konsciis, kiom alta estas la literatura nivelo de la gazeto. Kaj ĝia reapero estus grava bonaĵo por la movado. Tamen ĝia sinteno al la landnoma demando ankaŭ forprenas mian ĝojon kaj entuziasmon. Kiel oni povas rekomendi gazeton, kiu rekte malobeas la tute klaran kaj insistan peton de la L. K., kaj ne estas lojala al la Fundamento? Mi NE povas tion fari.

Pri neologismoj ĝenerale (mi ne kalkulas -io kiel neologismon tiusence) mi *ne* sentas same: literatura gazeto rajtas uzi multe da terminoj, kiujn la homo sur la strato ne sentas necesaj.

Mi bone scias, ke pri kelkaj gramatikaj demandoj ankaŭ oni povas malsame opinii: ekz-e pri la ĝenerale bonega «Plena Gramatiko» mi tute ne povas akcepti la teoriojn pri -us post kvazaŭ, aŭ pri akuzativo post po, kaj aliaj strangaĵoj de la «Hungara skolo», kiuj al mi ŝajnas ne nur nezamenhofaj, sed ankaŭ nelogikaj. Sed oni ne povas atendi, ke pri io ajn la homoj ĉiam samopinios.

... por mi la afero -io-ujo estas afero de *principo*, kaj mi kontraŭbatalas -ion, kiel tre danĝeran kaj ĥaosigan ŝanĝon en la lingva Fundamento.»

*Respondo en nia sekva n-ro.*

# RECENZO

*F. SZILÁGYI: LA GRANDA AVENTURO kaj aliaj novelo*j. 144 paĝoj. Eldonas: Stelo-Libro, Vol. II. Eldona Societo Esperanto, Stockholm.

Se oni meditas pri tio, el kio konsistas la nerezistebla sukceso de la Szilágyi-noveloj, oni trovas ilian sekreton en la jenaj karakteriziloj: klara, simpla stilo, pura lingvo, forta fabeloplekta kapablo, sprita, ĉiam saltopreta humuro miksita kun indulgema ironio kaj milda memironio kaj ĉion trateksanta, profunda humanismo. Tiu ĉi dua novelo-volumo (el kies noveloj du jam aperis en la unua volumo «Trans la Fabeloceano») montras tiujn ĉi kvalitojn en pliigata grado.

14 novelojn ampleksas la volumo. Du el ili, «Pri mia knabina animo» kaj «La dolĉa portreto», prenas sian temon el la esperantista vivo, el la kursgvidantaj memoraĵoj de la aŭtoro. Aliaj du: «Grava kunsido» kaj «Kokina Akademio» en formo de komedio same estas Esperanto-temaj, ilia ironio, atakanta la vivon de malgrandurba esperantista vivo, svingiĝas en groteskon. La temo de «Elinjo» parencas al tiu de «Pri mia knabina animo». Ankaŭ ĉi tie la kaprica fantazio de la aŭtoro preskaŭ vivantigas elpensitan figuron kaj per tio nevole influas la sorton de alia homo. Sed la novelo finiĝas feliĉe. «Libera rabo» rakontas historian anekdoton el la antaŭnapoleonaj tempoj. Estonta hungara poeto, tiam ankoraŭ trupestro en la armeo de la aŭstra imperiestro, invadinta Francion, la du horojn de la «libera rabo» utiligas por legi francajn klasikulojn ... «Sur la ponto» temas pri devokonscia hundeto. «Kaj poste Pinokjo ...» rerakontas la Pinokjo-fabelon al nia militema mondo. «La knabino kaj la karbo» kaj «Vintro» skizas la malriĉon, la unua bonhumore, petole, la dua kun profunda kompato. Ĉe tiu ĉi lasta tamen ŝajnas al mi, ke estus pli bone rakonti la novelon tute objektive, la sufiĉe ofte metodo de la aŭtoro: intermeti sin inter la historion kaj la leganton, en tiu novelo estas malpli bonefekta.

«Sennome» tuŝas delikatan temon. Oficiro de la naziista armeo (la verkisto prisilentas la nomojn, tiun de la armeo kaj tiun de la persekutitoj) lasas fuĝi iun el la persekutita, mo tkondamnita gento pro momenta rememorado pri la civila vivo, en kiu ili ambaŭ vivis kulturvivon. Poste la sorto turniĝas, el la persekutanto iĝas persekutito kaj li falas sub la frapoj de la popoljuĝo, kiun la aŭtoro nomas venĝo. La novelo estas tre bela, sed mi ne povas dividi la koncepton de la aŭtoro. Murdisto restas murdisto, eĉ se li lasis fuĝi unun el la viktimoj! Do la kvazaŭ antipatia pripentro de la «venĝanta» homamaso estas maljusta, politike erara. Sed ankaŭ ĉi tiu novelo atestas pri la pardonpreta, nobla humanismo de la aŭtoro.

«La Granda Aventuro», «La liberiĝo de la juĝisto» kaj «La sepan de Majo» estas tri gemoj de la libro kaj tri brilaj juveloj de nia originala literaturo. «La Granda Aventuro»: majstra pripentro de fantaziema revado de senlabora dudekjarulo; «La liberiĝo de la juĝisto»: poezio-plena rakonto de kelkaj puraj horoj el vivo de du homoj; horoj, kiuj nur unufoje doniĝas en la vivo kaj neniam revenas; «La sepan de Majo»: la plej emociiga, plej ĉarma rakonto, kiun mi iam ajn legis pri la pacdeziro de la homoj kaj pri ilia ĝojo, kiam ĝi fine alvenas.

La eksteraĵo de la libro indas al la enhavo: bona papero, bela preso, nur la bindaĵo de la binditaj ekzempleroj estas iom malfortika. *L. Tárkony*

---

*VIVO VOKAS.* Romano de *Stellan Engholm.* 180 paĝoj. Eldona Societo Esperanto, Stockholm. Kvara volumo de la serio «Stelo-Libro».

La rakonto estas daŭrigo de la volumoj «Infanoj en Torento I. kaj II.», kaj skizas la pluan vivon de la infanoj, jam gejunuloj. La volumo estas tipa Engholm-libro, kun ties virtoj kaj malfortoj. Tiu tipeco certe estas pli forta ol ke oni povus pri ĝi ĝoji: oni pli ĝojus pri surpriza ŝanĝo, pri evoluo, pri leviĝo super la antaŭan nivelon, eĉ se tiu nivelo ne estas taksebla kiel malalta.

La ĉefaj virtoj de Engholm estas la bona lingvoscio, la klara simpla lingvaĵo, la amo kaj honesta intenco, per kiuj la aŭtoro sin okupis pri sia verko, la delikata sentemo, per kiu li kaptas la animstaton de siaj herooj, la priskriboj inspiritaj de la belaĵoj de la naturo. Guste tiu ĉi trasento de la naturo donas la plej belajn paĝojn de la libro; mi mencias nur la finon de la Kristnaska vespero, kiam Arne, pelate de nerezistebla sopiro, forlasas la hejmon por vagadi sola en la arbaro: «Nemiksita kaj pura kuŝis la lunlumo sur la neĝokovrita tero kaj neĝokovritaj arboj. Malrapide kaj aŭtomate li iras sur la strio de forte premita neĝo, kiun postlasis la larĝaj radoj de ŝarĝaŭtoj, kaj rigide liaj okuloj rigardas antaŭen. Li haltis kaj kvazaŭ vekiĝis. Jam li estis en profunda arbaro, almenaŭ kvar kilometrojn de Torento. Nenio estis videbla krom neĝo kaj arboj kaj steloj. Nenia sono estis aŭdebla krom la susuro de sango en liaj oreloj, kaj tiu sonis, kvazaŭ ĝi venus de ekstere, kvazaŭ la silento mem kantus kaj plenigus per sia kanto la tutan mondspacon.» Kaj kelkfoje, por momento, bele ekreliefiĝas iu vizaĝo, ekz-e en la jenaj, vere rimarkindaj linioj: «Sed jen kaj jen li neatendite levis la kapon kaj la palpebrojn, kaj el liaj klarbluaj okuloj venis gaja, amikeca, eĉ petola rigardo. Lia rigardo similis al malriĉ-aspekta kabano, kiun oni senatente preteriras, sed kies malalta pordo subite malfermiĝas, kaj en ĝi aperas afabla kaj ridetanta homo.»

Entute, la libro ne estas seninteresa: eĉ se ne atentstreĉe, tamen kun interesiĝo oni sekvas la vivovojon de la figuroj, kiujn la aŭtoro vice montras al ni dum la fluo de la rakonto. Sed — stran-

# OBSERVO

*LA AMERIKA FILMINDUSTRIO* komencis la invadon. Ankaŭ en la pli malgrandaj, malbone pagantaj landoj de Eŭropo aperis la plej novaj produktaĵoj de la amerika filmindustrio, akompanate de laŭta reklamo. Sed la «sendanka» Eŭropo sufiĉe sinretene akceptas ĉi tiujn filmojn. Krom la rekono al la tekniko de Hollywood ĉiam plifortiĝas la voĉo de la kritiko.

Antaŭ nelonge la franca *Regards* esprimis sian ne tre flatan opinion kaj ĵus la «Neue Züricher Zeitung» skribas inter aliaj: «En Hollywood ĉiam oni amis kruda̧ĵojn, sed nun preskaŭ obsedite ili propagandas la kruelon — skribas la svisa revuo en sia longa studo. — Oni prezentas tian mondon, en kiu ĉiu timas kaj en kiu la teruro aperas senatende kaj kun nepriskribebla brutaleco. La stranga atmosfero de la faŝismo, kiu karakterizis Hitleron, nun pleniĝas la tutan Amerikon.» La artikolo konstatas plue, ke la amerikajn antifaŝistajn filmojn karakterizis la senpovo. Iliaj herooj neniam agis, neniam batalis kontraŭ la faŝismo kaj se ili kontraŭstarigis la demokration al la nacismo, tamen ĉiam ili malkaŝis sian ideologian malcertecon. La nacismon oni venkis, ĉesis la produktado de la antifaŝistaj filmoj, sed en Hollywood oni plufabrikas la grand-guignol-filmojn. Nuraj frenezaj, malsanaj, sadistaj figuroj rolas sur la filmoj. La malsanon de la animo ili akceptas kiel fakton — same kiel la faŝismo faris — kaj ili eĉ ne provas lukti kontraŭ ĝi.

J. B. *Priestley*, la eminenta angla romanverkisto en 1937 jene primontris la saman danĝeron: «La fremdulo vidas la surfacon: la afablajn konatulojn, bonegajn vojaĝeblojn, unuarangajn sanitarajn institutojn — sed sub la surfaco tie sin kaŝas la alia mondo. La ĵurnaloj — parte — skribas pri tiu ĉi mondo, ĝi estas la mondo de ĉantaĝistoj kaj trompistoj, de pagitaj murdistoj, de viroj sin vivtenantaj per amo kaj de prostituitinoj. Tie ĉi la mono estas ĉio, la leĝo kaj la homa honesto estas nenio, la polico ne estas alia, ol rabista bando kaŝita en uniformo, la milionuloj estas ĵaluzaj kaj murdemaj despotoj... Ĉi tie ĉio kaj ĉiu havas sian prezon. Tio ĉi ne estas la infero de la varmega sango kaj pasio, ne de barbaroj krevigantaj la burĝajn kutimojn, sed griza, malseka kelfunga mondo de la kalkulanta perforto kaj malvarma voluptemo. La pli malhelaj amerikaj verkistoj de detektivromanoj — kiel Dashieel Hammett — prezentas tiun ĉi mondon. Kio tie okazas, ŝajne tion oni povas priskribi nur en mallongaj, abruptaj frazoj.» «Mi trinkis kvin glasojn da brando. Poste mi piedfrapis ĉe la ventro la maljunulon. Pli malfrue mi iris supren en mian ĉambron kaj ĵetis sur la liton la blondulinon.» Kvazaŭ ni ricevus depeŝojn el ia malvarma, humida infero.

Kiel granda estas tiu ĉi Ameriko? Ĉu ĝi estas trovebla nur en la urboj? Se malmulto ekzistas el ĝi, kial ni aŭdas pri ĝi tiel multon? Ĝiajn spurojn oni trovas ankaŭ en tiuj romanoj, kiuj ne celas al sensacio. Ekzemple en la verkoj de Dos Passos. Aŭ ĉe multaj junaj romanverkistoj de la urba vivo. Kompreneble ankaŭ la filmoj prezentas iun aŭ alian pecon de tiu ĉi mondo...

En la romanliteraturo de la ĵuspasinto ĝi ne prezentiĝas. Eĉ en la verkoj de la Frank Norris-specaj hard-animaj realistoj ĝi ne prezentiĝas. Do evidente ĝi estas la mondo de la nuna Ameriko. Ĝi estas sekvaĵo de la milito, de la prohibicio, de la ekonomia krizo, aŭ de tio kion vi volas. Mi ne scias, kiom ampleksa estas tiu mondo, sed ĝi estas senkompare pli granda ol la ir-itala gengstermondo de Chicago, kun kiu oni ĝin ne kunmiksu. Tiun ĉi grandan inferon estus superflue popol-

ge — ĉiuj tiuj figuroj estas karakterizitaj de ia pasiveco, oni preskaŭ estas tentata instigi ilin — «nu, do jam faru ion, vekiĝu el via reva promenado tra la vivo.» Kaj kie ili vere faras ion, ilia faro kondukas nenien: ni menciu nur la meblofaradon de Johano; oni atendas ian belpromesan komencon, sed la tuto finiĝas abrupte kaj definitive, nenia sekvo plu. Senentuziasmaj, senpasiaj estas tiuj homoj, sekuraj de trompiĝoj, ĉar ne havantaj iluziojn.

Jen ekz-e la ĉefheroo, Eriko. Li faras certe la plej grandan kaj aŭdacan paŝon en la romano: li iras al Hispanio, por batali kontraŭ Franco sur la fronto de la libero. Sed tiun senatendan paŝon li faras iel senentuziasme, kaj li revenas preskaŭ pentante pri sia ago.

Kaj tie ĉi ni devas paroli pri ideologia flanko de la verko. Multe oni parolas pri pacifismo en la romano, pri tiu pacifismo je ĉiu kosto, kiu, kiel ni vidis, estis la plej granda helpo de Hitler konkeri unu landon post la alia, dum ĉiu lando rigardis kompate la viktimojn, ĝojante, ke ankoraŭ ne venis ĝia vico. La ĉefa reprezentanto de tiu pseŭdopacifismo estas Ajna: laŭ ŝi estas peko, preskaŭ krimo, rezisti al la malbono. Kaj fine ŝi, kun senfina boneco, *pardonas* al Eriko tiun paŝon, pri kiu ŝi devus esti fiera.

Kaj tial la libro postlasis en mi ian amaran postguston. Sed mi volus ekskuzi la aŭtoron. La libro estis verkata en la vintro de 1939—1940, kiam ankoraŭ ne staris unu kontraŭ la alia kun tiel instrua klareco la fortoj de la bono kaj malbono. Mi volus esperi, ke nuntempe, kiam ĉio jam klariĝis, malkovriĝis, kiam ni havas post ni la terurajn konsekvencojn de la munkhena politiko kaj aliaj pseŭdopacifismaĵoj, la aŭtoro certe verkus ion ideologie pli pozitivan.

*L. B.*

umi per rabmurdistoj kaj maŝinpistoloj. Tiu ĉi infero flamas eĉ tiam, se oni ne tiras la ĉanon eĉ de ununura revolvero. La malvarma putrado karakterizas la tuton...

Mi estis en Hollywood, kiam oni trovis la kadavron de filmaktorino Thelma Todd. Mi ne memoras, kio estis la oficiala rezulto de la polic-enketo, sed mi memoras pri la sennombraj strangaj, maltrankviligaj aludoj, misfamoj kaj divenadoj. Por momento oni sentis, kvazaŭ abismo apertiĝus ĉe la piedo kaj el la profundo leviĝus la fetoro de la pereo kaj morto.»

*

Kompreneble tiu ĉi bildo prezentas nur unu sektoron de la realo. Vivas ankaŭ alia Ameriko: La Ameriko de la demokrataj tradicioj, de la individua libero, de la plifortiĝantaj laboristmovadoj. Sed sendube estas signo de profunda krizo en la amerika socio, ke la filmo — la popolarto de Ameriko — ĉiam pli ofte projekcias antaŭ nin tiun inferon, pri kiu skribas Priestley. *L. B.*

*SALUTO EL ĈEĤOSLOVAKUJO*

El tiu lando, kiu multe suferis dum la pasintaj jaroj, foriris en la Nekonaton multaj kunlaborantoj kaj amikoj de Literatura Mondo. Kelkaj tamen feliĉe saviĝis kaj aperas tie jam nova promesdona generacio.

Kiel modesta signo de ĉeĥa vivo esperantista aperas en nuna kajero du malgrandaj poemoj originalaj de juna poeto Karel Piĉ. Plia poemo de Jaroslav Seifert, poeto klasikema kaj tendenca samtempe, prezentas mediton de homo staranta super la prirabita malriĉa hejmo kun la decido revenigi per streĉa laboro la antaŭan simplan bonstaton. *O. G.*

*MALRAUX, LA DEKSTRULO*

La UNESCO, eble por kristnaska surprizo, aranĝis en Parizo kvar prelegojn. La prelegantoj estis: Kurt Schuschnigg, Ilja Ehrenburg, Jean Paul Sartre kaj André Malraux.

Dum la prelego de Schuschnigg policana kordono ĉirkaŭis la teatron Marigny. Kiam Ehrenburg prelegis, la loĝioj de la teatro estis plenaj de junaj laboristoj kaj studentoj. Jean Paul Sartre per potenca proklamo anoncis sian aliĝon al la batalantoj de la liberaj demokratioj. Kaj el la prelego de Malraux ni eksciis, ke la «verkisto-revoluciulo» de la intermilitaj jaroj definitive transiris al la dekstra flanko.

Pri Malraŭx oni parolas nuntempe multe pli ol iam, en la komenco de la tridekaj jaroj, kiam en ĉiu ĉambreto de la Latina Kvartalo troviĝis almenaŭ unu studento, kiu elektis lin, aŭ iun lian heroon sia idealo.

La popularecon, kaj ankaŭ la aldekstriĝon de Malraux oni povas rekonduki al unu sola origino, al Malraux, la aventuristo, la romanverkisto de liaj propraj malrealaj aventuroj. Ĉar la aventuro, kie ajn, kiam ajn, inter kiaj ajn cirkonstancoj ĝi okazas, restas ĉiam ekster la realo. Ĝi estas epizodo, kiun oni povas forŝiri el la tuto de la vivo, kaj en kiu, kiel post ĉina muro, oni povas sin forfermi de la vivo, de la socio, de la realo. Forŝiriĝi de la socio, ŝvebi ie meze inter la burĝaro kaj la proletaro, tio por la laikuloj ofte ŝajnas identa kun la revoluciemo. El tio sekvas, ke la burĝa leganto havante antaŭ si ion por si tute malklaran, tiom intermiksas en ĝi la revolucion, la aventuron, la mondon, la sociajn utopiojn kaj la realaĵojn, ke fine li jam eĉ ne rimarkas, kie komenciĝas la unu, kaj kie finiĝas la alia — kio en la tuto estas la realo kaj kio la mistifiko.

La temo de ĉiu Malraux-verko, la fiksa ideo de ĉiu Malraux-heroo estas unu ekzotika aventuro, malantaŭ kiu troviĝas tute ne la marxista filozofio (kiel Malraux ofte volus kredigi al ni), sed la filozofio de la utopia *fatalo*, kaj *Nietzshe*, kaj la «absudo» de la ekzististoj — jen la sorĉo de la komuna burĝa ideologio.

La heroojn de Malraux pelas al teror-agoj ne la sociala kunsento, sociala amo, la deziro de la stabiligita sociala bonstato. Garine, Ĉen, Gisors kaj la ceteraj antaŭ la *absurdo de la ekzisto* kaj antaŭ la *fatalo* rifuĝas en agojn, kies rezulto apenaŭ interesas ilin; ili estas indiferentaj pri la malvenko de la socialistaj ideoj. «Ĉiu homo volus esti Dio (diras Gisors, profesoro de marxismo en la Peking-a universitato!!!), kio alia ja estus en li tiu sopiro, kiun la sensciuloj nomas aventuremo, sed kiu estas ne alia ol sindefendo kontraŭ la morto.» Tiel trafas la Malraux-herooj en la trombon de la plej absurdaj, plej fremdaj al ili aventuroj, kaj jen eble la kaŭzo ankaŭ de tio, ke ĉe liaj teroristoj kaj intelektuloj la morto simbolas ian mistikan sanktaĵon. Ĉen en la Konkerantoj ekzemple rigardas sin sacerdoto kaj ne batalanto; sacerdoto, kiu inter certaj cirkonstancoj disponas ankaŭ pri Dio. La revolucio ĉe li estas strikte ligita kun la perforta morto — la perforto kreas la interligon inter li (la oferdona pastro) kaj Dio.

Ĉar la aventuro estas ekster la reala vivo kaj la reala socio, kompreneble Malraux la aventuristo povas imagi la rilaton inter homo kaj homo sole ekster la vivo reala, utopie — ekzemple en la perforto. «Tiel mi deziras la interligon kun miaj homkunuloj, kiel mia pastro ekdeziris fremdan bienon, kiel mi ekdeziras virinon... Kie ni povus unuiĝi, se ne en la sufero.»

Vere, kiam ajn la Malraux-heroo venas al tiu stadio, kiun li nomas *apokalipsa*, li klopodas sin komprenigi per la ideo de la universaleco, per la universaleco de la *sufero*. La aventuro tiam prenas al si la kuraĝon alvoki, en la nomo de la universaleco, la popolojn de la mondo por frata unuiĝo: «Miaj vive enterigitaj ĉinaj kunuloj, miaj rusaj amikoj, kies okulojn oni elŝiris, miaj germanaj fratoj en sklavĉenoj, nun ni povas unuiĝi en la amo» — oratoras Kassner en la Temps de Mépris, kaj li ankaŭ kredas je tiu metafiziko, kiun al ili pruntis ilia kreinto, ili havas ian *esperon*. Sed ĉi tiu espero ne kapablas leviĝi super la nivelon de la Malraux-a sufero, kvazaŭ la espero kaj la sufero estus du diversmienaj, sed tamen homogenaj ele-

mentoj de la homaj interrilatoj. «Al Kassner ŝajnis, ke en la sango, trans kiun li paŝis, estas naskiĝonta la senco de la mondo, kaj ke plenumiĝis la plej granda mistero de la aĵoj: la vivo».

Por la revolucia aventurromano Malraux bezonis kadron. Serĉi tiun kadron, li iris plejparte en la orienton kaj en urbojn, en tiuj lokoj li opiniis trovi la eblojn de la sukceso de la aventuro. Tial li elektis Sanghaj-on, Kantonon, Barcelonon, «la jovialan, ŝajne flegman Singapuron, urbon de miloj da sekretaj societoj; Saignon-on kaj Cholon-on, kie ribelo kaj sonĝoj interluktas en la korfundo de la homoj; Hong-Kong-on, en kiu sub la mieno de silento, cinikismo kaj pasiveco embuskas venĝo kaj malamo.»

En liaj romanoj oni renkontas ĝenerale du homtipojn. La unu estas la aventuristo nomata aventuristo kaj la alia: la aventuristo nomata profesia revoluciulo. Diferenco de karaktero, de agoj, de mondkoncepto apenaŭ ekzistas inter ili, kaj eĉ tiu eta diverĝo tuj malaperas, kiam oni observas ilin deproksime. Mem Malraux povas fari nur tiajn dubajn distingojn: «Borodin estas la homo de ago, Garine estas homo kapabla agi», aŭ: «Du specojn de homoj vi renkontos en Hong-Kong: tiujn, kiuj ankoraŭ en la tempo de Sun venis tien serĉi fortunon, meti sian vivon sur la lastan karton. Oni devas ilin nomi simple aventuristoj. Ĉinujo estas por ili nur teatro, sed kies rolantoj estas ankaŭ ili mem. Kaj tiujn, kiuj alvenis kun Borodin, la profesia revoluciulo; por ili Ĉinujo estas nefruktuzita kruda materialo.»

La mondo de Malraux do spegulas la dramon de unu aventuro, kaj de unu agado, kies simptomoj tamen ne diferencas de tiuj de la aventuro. Oni povus diri: ĝi spegulas la dramon de aventuro, kiu deziras konstantigitan agadon. Kaj kio estas tiu agado? Perforto, perforto, perforto! Rigardi la mondon kruda materialo, kaj formi ĝin tiel, ke kiel eble pleje ĝi servu al la plaĉo de la aventuro. Pri Borodin ni jam scias, ke li rigardas Ĉinujon kruda materialo — mem Malraux tion komunikis al ni — sed ankaŭ Garine faras la samon. Kaj Perken (Voie Royale) same deklaras: «La mondo estas kruda materialo, el kiu oni devas ion fari...» Malrealo ĉie! Kie la Malraux-heroo sonĝas al si la veran revolucion, la veran konsenton, la zorgon pri la mizeruloj, tiel same li sonĝas al si la agon mem. Kaj estas rimarkinde, ke la sola vere aganta persono de la tuta verkaro de Malraux estas Floral, reprezentanto de la kapitalista socio.

Eĉ mem Malraux ne dubas pri tio, ke la aventuro kaj la aventurnaskita revolucio devas fiaski. El la nekontentigita aventuremo iom post iom restas nenio krom temosfero, kaj krom la rekonsciiĝinta amok-kuranto de l' aventur-revolucio: la burĝa intelektulo neniam mankas el la romanoj de Malraux. Li estas tiu aventuristo, kiu, en plena konscio pri la fiasko de sia revolucia aventuro, transprenas la rolon de la raciulo, por trovi klarigon pri ĉio.

La raciuloj de Malraux — apenaŭ necesas diri — volas trovi la solvon ekster la vivo, ekster (la okazaĵoj de la mondo, tute ne zorgante pri tio, ke ĉi tiujn *simptomojn* ankaŭ ili ne povas elfermi el sia vivo, ĉar tiuj ja difinas ankaŭ ilian homan staton. Tial ankaŭ la raciulo dividas la sorton de siaj batalantoj-aventuristoj. Li rezignas pri la solvo de la problemoj, rifuĝas de ili. «Kiam Negus ne povas venki siajn problemojn, li ĉiam rifuĝas en la perforton aŭ en la sinoferon».

Finfine, por la aventuristo de Malraux restas nenio alia ol la rezignacio. El la revolucio li transiĝas rekte en kosman mistikismon. La mondo kaj la socio ĉesis esti batalkampo de lia individua aventuremo, li do konstruas por si novan mondon, kie trans la socio, trans la homoj, li povas vivi kviete, *sen ago*. La personoj de la romano «Noyers de l' Altembourg» jam ĉiuj estas burĝoj, honorindaj anoj de la riĉa Alsaca burĝaro. Kaj kio okazas en tia medio al la aventuro? Ĝi fariĝas sendanĝera ludo, tiu burĝ-malsano, pri kiu ankoraŭ kun tia malestimo parolis Nikolajeff en la Konkerantoj.

Dudek jaroj pasis de la ekiro de Garine. El la revolucia himno de la aventuristo fariĝis la apoteozo de la burĝa bonstato. «La lasta vorto apartenas ĉiam al la triumfaj fortoj de la vivo» — ni legas en la Noyers de l' Altembourg, kaj subite ni ne scias, kion komprenas Malraux per tiuj triumfaj fortoj: — aventuron, fatalon, perforton, ekzistismon, — aŭ eble oportunismon? *Lydia Máthé*

---

## *LA RUSA DEMANDO*

Kun ĉi-supra titolo verkis sian plej novan dramon Konstantin Simonov, la bonnoma soveta verkisto kaj dramisto, post sia reveno el Usono.

La temo de la teatraĵo estas mallonge la jena:

La usona ĵurnalisto Smith — la protagonisto de la teatraĵo — restadis dum la milito en la Sovjetunio kaj verkis pri ĝi laŭ-veran libron. Nun la ĉefo de Smith, la gazeteldonisto Mac Pherson volas utiligi por siaj celoj lian popularecon. La «boss», kiu subtenis dum la milito la usonan armadon kaj tial publikigis la artikolojn de Smith pri la heroeco de la rusoj, nun volus forviŝi el la koro kaj konscio de la usona popolo la simpation al la Sovjetunio, kaj volas kredigi al sia legantaro, ke la Sovjetunio sin preparas por ataka milito.

La aŭtoro ne nomas en la teatraĵo tiujn, en kies intereso Mac Pherson laboras, sed ni scias, ke temas pri vere ekzistantaj negocistoj kaj politikistoj, kiuj deziras militon, esperante per ĝi politikan kapitalon kaj riĉegan profiton por si mem.

«Dek kaŭzoj, pro kiuj la rusoj volas militon» — jen la projektita titolo de la nova libro eldonota de Mac Pherson. Tiun libron devus verki Smith, konata kiel honesta kaj objektiva ĵurnalisto.

Sed Smith ne havas emon por tio. Grandegan impreson al li faris la heroeco de la sovjetaj homoj, kaj ankaŭ lia konscienco ribeladas. Tamen — li estas malriĉa ĵurnalisto, kaj la tre konsiderinda promesita honorario (3o.ooo do-

laroj) ebligus al li ne sole la plibonigon de sia situacio, sed ankaŭ la edzinigon de Jenny, bela knabino kutimiĝinta al bonhaveco.

Komence la deziro de la imagita feliĉo subpremas en li la voĉon de la konscienco. Li vojaĝas en la Sovjetunion. Sed reveninte, li diras al sia amiko Murphy: «En la Sovjetunio mi ege hontis pro mi mem, pro vi, pro ni ĉiuj, ke el la usonanoj, ĉiu matene kun la frumanĝo, kiam ili prenas sian ĵurnalon, ni volas trudi la engluton de tia veneno... Mi rememoris, ke tamen mi estas homo.»

Smith verkas ion tute alian, ol kian Mac Pherson mendis de li. Lia nova libro pri la Sovjetunio estas same honesta kaj objektiva, kiel antaŭe liaj artikoloj pri la sovjet-germana fronto. Febre li laboras en sia somerdometo, kiun li aĉetis por la antaŭmono, kaj kiun la dume edzinigita Jenny faris por si hejmeca. Al ŝi li ne malkaŝas la veron, ĉar li timas pri sia feliĉo, sciante, ke ĝi disfumiĝos tuj, kiam Mac Pherson ricevos la manuskripton.

Li diktas ĉapitron post ĉapitro, kaj pruvas, ke Sovjetunio nek volas, nek preparas militon. La konscienco venkas en tiu honesta usonano la memamajn dezirojn. En tio lin firmigas ankaŭ la vortoj de lia stenotipistino Mag: «Ĉi tio tute ne estas tiel malbona. Multaj milionoj staros malantaŭ vi. La gazetoj ja ne publikigos la opiniojn al vi favorajn, sed la grandaj amasoj de la popolo ankaŭ vin konsentos.»

Fine pretiĝas la libro. Mac Pherson furiozas. Li devas transverkigi la manuskripton. Kaj li devas uzi multajn faskojn da dolaroj de siaj komisiantoj, kaj tutan sian propran influon, por ke la eldon-firmo Gressler and O' Kinley ne eldonu la libron jam ege reklamitan. Li venkas: la libro ne aperas. Smith perdas ĉion: monon, somerdomon, edzinon — ĉar ankaŭ ŝi forlasas lin, kiam ŝi vidas lian bankrotiĝon.

Smith tamen ne kapitulacas. Nur nun komenciĝas vere la batalo por la vero. Multe li scias, multe li vidis. Kaj kiel seriozan averto al la kompanio Mac Pherson-Hearst, kaj al ĝiaj komisiantoj, sonas la fermaj vortoj de la teatraĵo: «La supre nomita Smith — diras Smith pri si mem — imagis erare kaj naive, ke ekzistas nur unu Ameriko. Kaj se por la supre nomita Smith kun lia honesto — kaj pro lia honesto — ne ekzistas loko en la Ameriko de Hearst, do li, je la diablo, serĉos por si lokon en la alia Ameriko, en la Ameriko de Lincoln kaj Roosevelt.»

Jen la temo de la teatraĵo de Simonov. Sed estus erare ĝin rigardi nur sukcesa politika pamfleto. Ĝi estas realisma, moderna dramo. La viglaj dialogoj, la lirikaj ripozoj, la profundaj pensoj pri homa sorto, la tragika kerno de la ama konflikto, la psikologia motivado de la agoj de l' roluloj ĝin lokas inter la plej elstarajn dramajn kreaĵojn. Eĉ Jenny ne ŝajnas al ni malnobla pro tio, ke ŝi forlasas sian edzon. La aŭtoro psikologie motivas al ni ŝian faron: ŝi vivis ĉiam inter monĉasaj homoj, ne povas liberiĝi de la sorĉo de l' mono, kiel ajn ŝi volus, ŝi ne kapablas kuniri kun Smith ties malglatajn vojon. Antaŭ la fina paŝo ŝi hezitadas, ŝi ja alte estimas la honeston, persiston, bonan intencon de sia edzo, sed ŝi ne havas forton batali, prefere ŝi flankenstariĝas.

Kun la sama morala-psikologia fundado figuras Simonov ankaŭ la ceterajn rolulojn. Ili estas vivantaj homoj, kun homaj kvalito-bonaj kaj malbonaj.

Ŝajne la kontraŭsovjetia propagando en Usono iĝis bona negoco. Eĉ Ely Culbertson, la konata briĝteoriulo sin ĵetis sur la «rusan temon.» En sia broŝuro «Ĉu ni devos militi kontraŭ Rusujo?» li ege streĉas sian fantazion. Li priskribas, ke en 1950 misteraj rusaj turistoj alvenas en Usonon, kun kofrof, lokitaj dise, ili eksplodigas preskaŭ sammomente la tutan Amerikon kaj ĉiujn amerikanojn.

Culbertson agitas la usonanojn per la ĥimero de la murda intenco de la sovjetianoj, Simonov trankviligas la sovjetianojn per la pacodeziro de tiu *alia* Ameriko, de la usona popolo. Ni esperu, ke Simonov pli ĝuste prijuĝas la klarvidon de la usonaj «simplaj homoj», ol la granda briĝmajstro. *K. Stelov*

---

***Petu literaturon en Hungara Radio***

La Hungara Radio (Budapest, VIII., Bródy Sándor-str. 7) enkondukas regulan esperantan dissendadon ĉiulunde nokte 0.30 MET tempo dum 5 minutoj: aktualaj sciigoj. Bonvolu danki, petante pli fruan dissendon kaj nepre peti, ke la Hungara Radio donu eblecon, ke la redaktoraro de L. M. donu literaturan esperantan duonhoron en la radio.

*LUDOVIKO TÁRKONY SCIIGAS* al siaj geamikoj kaj legantoj sian novan adreson: Budapest, VIII., Kisstáció-utca 5. III. 17. Pli gravajn leterojn aŭ sendaĵojn tamen adresu al Literatura Mondo: Budapest, VIII., Rökk Szilárd-utac 28, signante sur la eksteraĵo: «por L. Tárkony».

**KOREKTO**

***de eraroj en nia 1–2. numero***

Paĝo 7: *Tárkony: Oriento.* En la 22—25. versoj bonvolu meti la konfuzitan sinsekvon jene:
antaŭ la sankta Fujijama piaj japanaj pentristoj,
mongolaj rajdantoj sur stepoj de dezertaj distoj,
en la akvo de Ganges mortintaj hindoj,
lertmovaj insulanoj inter branĉoj de tamarindoj.

Paĝo 21: *Poe—Kalocsay: La sonoriloj.* En la 27. verso bonvolu legi:
ĝis trans *rand'* (ne: *land'*).

*S-ro Daniel Carion,* 12 rue Racine, La Courneuve (Seine), Francujo deziras korespondi pri lingvaj, filozofiaj, psikologiaj temoj kun ĉiuj landoj. Precipe kun samideaninoj.

## NIAJ REPREZENTANTOJ

*AFRIKO:* Afrika Revuo, Maroko, *Casablanca*, 5 rue Savorgnan de Brazza.

*AUSTRIO:* Librovendejo »Tramondo«, *Wien*, I., N u'org ss: 9.

*BELGUJO:* Flandra Esperanto Instituto, *Brussel—West*, Pieter van Humbeckstr. 3.

Belga Esperanto Instituto, *Antwerpen*, 127 Lange Leemstraat.

*BRITUJO:* Internacia Esperanto Ligo, *Heronsgate*, Rickmansworth.

*BULGARIO:* Internacia Kulturo, *Sofio*, str. Graf Ignatiev 2.

*ĈEĤOSLOVAKIO:* »Revuo Esperantista«, *Praha*, Uralské Nâm 9.

*DANUJO:* Libro-Servo de CDEL, *Kopenhago*, Pr. Jorgensgade 4 A.

*FINNLANDO:* Joel Vilkki, *Somero*.

*FRANCIO:* Unuiĝo Esperantista por Francio, *Paris*, 10 e. 34 rue Chabrol.

*HUNGARIO:* Bleier Béla, *Budapest*, VIII., Rökk Szilárd-str. 28. Poŝtĉekkonto n-ro 4014.

*ITALUJO:* Luigi Minnaja, Roma, Viale Giulio Cesare 223.

*JUGOSLAVIO:* Slovenia Esperanto Ligo, *Ljubljana*, Cankerjevo Nabrazje 7/1.

*NEDERLANDO:* A. C. van Ingen, *Rotterdam*, W. Buytewechstr. 128 c.

*NORVEGIO:* Norvega Ligo Esperantista, Librofako, OSLO, Boks 942.

*POLUJO:* Isaj Dratwer, *Warszawa*, 11 Listopada 22. T. O. Z.

*PORTUGALIO:* Saldanha Carreira Jorge, *Benfico-Lisboa*, Grao Vasco 33, r/c.

*SVEDUJO:* Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm*, 19, Fack 19.071.

*USONO:* Esperanto Asocio de Nord-Ameriko, *Newyork* 11, 114 West 16 th Street.

*MEMBRO DE NIA REDAKCIO*, kiu sekve de la sieĝo de Budapest perdis sian tutan havajon kaj inter aliaj sian skribmaŝinon, por s'a esperanta literatura laboro bezonegas skribmaŝinon. Li ne estas en tiaj financaj cirkonstancoj, ke li povu pagi la nuntempajn altajn prezojn. Kiu povus helpi al li per sendo de bonstata portebla skribmaŝino? Interŝanĝe li sendus L. M.-eldonajojn, inter ili la Plenan Gramatikon. Skribu al la adreso de la redakcio, priskribante la maŝinon kaj viajn dezirojn pri la interŝanĝe sendotaj libroj.

Felelős szerkesztő és kiadó: Berceli (Bleier) Béla. — Pestvidéki Nyomda Vácon. — Nyomdavezető: Urbán Gyula.